XVa jaro. No 224 (4) ☆ Monata ☆ Aprilo 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
**Luksa eldono** . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj

*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. – Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.40 Frankoj
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . . 0.50 Frankoj

*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%.*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisio)

**TEKSTO.** — **Nuntempajoj:** *La nuna devo de la intelektuloj*, Romain Rolland. — **Socia vivo:** *Pri Georgio*, Iv. H. Krestanov. — *Imitinda lernejo*, F-ino M. Gobat. — *Pri industria paco*, L. Katscher. — **Notoj.** — **Literaturo:** *Bildoj el la estinteco*, Ant. Bergmann. — *La tondromuŝetoj*, Emanuel Van Driessche. — *Gyges kaj lia ringo*, Friedrich Hebel. — **Esperantismo:** *Novaj perspektivoj*, H. Hodler. — *Inter ni*, Edmond Privat. — *Kroniko*. — *Diversajoj*. — *Tra la gazetaro*. — *Tra la libraro*. — *Oficiala informilo de UEA*. — *Esperantista Parolejo*. — *UEA en Rotterdam*. — *Esperantista vivo*. — *Niaj Mortintoj*. — *Lingvaj studoj*.

## Al niaj legantoj

**De la 1 majo 1919 la adreso de la Centra Oficejo de UEA kaj de la gazeto „ESPERANTO“ estos:**

**Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)**

**Ĉiuj korespondaĵoj kaj monsendoj estu sendataj al tiu nova adreso.**

**Pri la kaŭzo de tiu ŝanĝo, legu en la Oficiala Informilo de UEA.**

NUNTEMPAĴOJ

## LA NUNA DEVO DE LA INTELEKTULOJ

Profesoro G. E. Nicolai, la fama verkinto de la „Biologio de la milito“, estis publikiginta jam en oktobro 1914 alvokon al la intelektuloj de Eŭropo, en kiu li proponis internacian unuiĝon de ĉiuj liberaj pensuloj, sed ricevis tiam nur tri subskribojn. De post tiu tempo li ricevis el ĉiuj regionoj de l'tero milojn da entuziasmaj aprobdeklaroj.

Al tiu alvoko Romain Rolland respondis per publika letero, kiun ni sube represas ekstrakte:

Mi sekvas ĝoje Vian alvokon. En ĉiu lando vivas kelkaj el la niaj, kiuj ankaŭ dum la milito neniam malkonfesis sian nedetrueblan kredon je la unueco de Eŭropo, je la „fariĝanta homara regno“. Ĉiu el ni scias, ke li estas la reprezentanto de miloj da viroj kaj virinoj de sia popolo, kies voĉoj hodiaŭ estas ankoraŭ subpremataj, sed kiuj leviĝas, kaj kiel torento superondos la tutan landon, kiam fine la digoj, konstruitaj de la milito, estos rompitaj.

Estas al mi korĝojo, ke ankaŭ tiel fama scienculo, kia Vi, kuraĝas proklami, ke la racio ne sufiĉas por konstrui la estontecon, ĉar de l' homa progreso la plej forta fonto estas ja nur la arda idealismo.

Permesu al mi aldoni al Via belega kredkonfeso nur kelkajn vortojn:

Vi pritraktas nian epokon iomete ironie, Vi parolas pri nia racia tempo kaj kontraŭmetas al ĝi kiel sanigilon la „neracian idealismon“ ... Sed ni devas ankaŭ esti justaj kontraŭ nia tempo, en kiu ni tiomege suferas, kaj aliasi, ke ekzistas malmultaj epokoj de la mondhistorio, kiuj estas tiel traardigitaj de idealismo, kiel la nia.

Mi staras certe ne sub la suspekto, ke mi faras cedojn al la milito. Mi scias, ke la plej malnoblaj kaj malpuraj interesoj, ke avideco, krudeco, aroganteco kaj potencvolupto estas ĝiaj teruraj impulsoj, sed krom tio ludas ankaŭ gravan rolon la idealismo, sen kiu la milito neniam estus fariĝinta tiel terura. Jam multajn jarojn antaŭ la milito kaj ankoraŭ nun mi estas korespondanta kun junaj homoj el ĉiuj landoj, militantaj kaj neŭtralaj. Ĉiam denove mi vidas la flaman idealismon, kiu montras la plej diversajn formojn. Por tiu ĝi estas la sinmemofero por la patrolando, por la alia la libereco de l' mondo. Miloj mortigis kaj mortis en la iluzio prepari per tio la vojon al la regno de l' paco. Krome, ekzistas homoj, kiuj ardas de la kredo de Tolstoj aŭ de la mistika, ekscita espero, renovigi la mondon per la venonta revolucio. Ĉie brulantaj ŝtiparoj, kie animoj sin oferas, bedaŭrinde opiniante, ke ilia kredo rajtigas ilin oferi al sia idolo ankaŭ la aliajn. La hodiaŭa homaro estas tro „civilizita“, por ke oni povu riski ĝin buĉi nur pro materiaj interesoj. Pri tiaj interesoj ĝi ne estas fiera, sed fiera ĝi estas je siaj idealoj, kiuj tamen estas miloble pli mortigaj. En ĉi tiuj idealoj, pro kiuj li iras en la militon, la homo vidas sian grandecon, en ili mi vidas ofte nur lian fatalon. La milita idealo estas malsano, al la homo ĝi estas morala veneno. Inter siaj kunhomoj kaj sia propra natura sento li konstruas muron el pure raciaj konceptoj, kaj al ili li oferas poste sian vivon ...

Mi ja vidis centojn da junaj noble pensantaj animoj, kiuj entuziasme kaj ebrie sin oferas por sia kredo, sed mi konas neniun, kiu eĉ nur provis kompreni la kredon kaj la sinoferon de la aliaj. Multaj faras seriozan kulton al la homaro, sed ĉi tiu homaro estas al ili ankoraŭ nur idolaĵo, homaro signifas ankoraŭ ne la homojn, ĝi estas retora simbolo, kiu permesas al ili forgesi la „plejproksimulon“.

Instruu ni unue al la homo respekton kaj amon al la

individuo. Tio estas la fonto de la vivanta vero. La homo devas ekkoni, ke li estas nur guto en la oceano de l' homaro. Ne nur en la propra brusto li komprenu, kaptu kaj amu la vivon kaj ĝiajn diajn fortojn, sed en ĉiuj, kiuj estas ĉirkaŭ ni, en niaj vivantaj fratoj. Li ne bezonas fordoni sian agoforton, perdi sin mem por unuiĝi kun la aliaj, — male li akiros per tio la plej prapotencajn vivofortojn: la vivantan amon kaj la agantan simpation. Depost tridek jaroj la mondo vidis estiĝi milojn da superhomoj, nun ĝi estu vidonta homojn, kiuj estas nenio alia krom homoj, kiuj provus kompreni unu la alian kaj kune labori, — kun homoj...

Oni bezonos ilin post la milito, ĉar ne tuj kvazaŭ per sorĉajo malaperos el la mondo la malpaco. Eĉ la sorĉbastono de prezidanto Wilson ne kreos la veran interpopolan ligon, same kiel Ostwald ne povis fondi sian faman mondorganizon. Ankoraŭ longan tempon oni devos okupi sin pri la malfido de la venkitoj, la fiereco de l' venkintoj, atavismaj memoroj, kiel kun la pesto de l' malamo. Eĉ interne de ĉiu nacio kontraŭstaras nun la partioj unu al la alia nerepaciĝeble kiel malamikaj popoloj, kaj la sociala batalado daŭros en la sekvontaj jaroj.

Do, kion ni estas farontaj, ni en la mezo starantaj, ni, la apostoloj kaj disĉiploj de l' nova kredo?... La tasko de nia elektita areto ŝajnas al mi esti pli ol kiam ajn tiolo de perulo inter la reciproke fremdaj kaj malamikaj animoj. Traduku ni al la popoloj la pensojn kaj la lingvon de la najbarpopoloj. En ĉi tiu Babel-turo ni devas instrui al la malamikaj fratoj la sciencon pri la reciproka kompreno. Ĉiu individuo kaj ĉiu popolo devas provi fariĝi la plejproksimulo mem. Ni ĉiuj devas peni vidi la aliajn popolojn per iliaj okuloj, senti per iliaj sentoj, ami per iliaj koroj. Ni devas peni supreniri de ŝtupo al ŝtupo ĝis la realiĝo de la vivanta homarkonscienco en ni mem. Tia mi komprenas la taskon de l' arto kaj, se mi ne eraras, Vi, kara Nicolai, havas la saman koncepton pri la scienco.

Kio hodiaŭ al ni plej multe mankas, estas tiu eduko, kiu instruus alkonformiĝi nin al la fremdulo. La oficiala scienco instruata en niaj universitatoj kaj akademioj plenigas nin per ĉiuspecaj sciencaj, moralaj kaj historiaj dogmoj, kiuj igas nin malhumilaj pri nia nacio kaj ĝia sorto. La ŝtatoj kaj la socialaj klasoj igas la intelektulojn siaj servistoj kaj instrumentoj. Tiel estis en la aŭtokrataj ŝtatoj, tiel estas en la demokrataj respublikoj, kaj tiel estos en la revolucio de la laboristoj. Antaŭ kelkaj tagoj mi legis en „Informoj el Rusio“ (organo de la Bolŝevikoj), ke la sovjetoj al peto de la intelektuloj kunlabori kun la laboristaro favore respondis, ke oni volonte estas preta akcepti ilian proponon, sed ke oni postulas de ili feran disciplinon kaj obeon al la ordonoj de la sovjet-registaro.

Ĉu arto kaj scienco lasos sin servistigi? Ĉu la penso fariĝu ŝtatministro kaj la pensuloj oficistoj? Tion ni rifuzu! Proklamu fine ni, pensuloj ĉiulandaj, nian emancipon, nian sendependecan deklaron de l' spirito! Ni estas servantoj nek de la reakcio, nek de la revolucio, sed servantoj de la racio. Ni ne estas sur la tero por pliigi la malpacon inter la homoj, sed por krei konkordon kaj harmonion. Por tio necesas fondi baldaŭ internaciajn centrojn de l' spirito: universitatojn aŭ akademiojn, kvankam mi ne tre alte ŝatas ĉi tiujn malnovajn nomojn tro ŝarĝitajn per multjarcentaj tradicioj. Laŭ la antikvaj Helenoj de Malgrand-Azio ni havu niajn Panjoniajn templojn, de kiuj disradiu la konscio pri la unueco de la homgento. Kaj sur iliajn frontonojn ni skribu la novan devizon, kiu ne malas al la antikva Sokrata („Ekkonu cin mem“), sed eĉ ĝin kompletigas:

„Ekkonu la aliajn!“

*Romain Rolland.*
Trad.: *G. M.*

---

##  SOCIA VIVO 

# Pri Georgio

### I.

Kaŭkazo estas unu el la plej pentrindaj kaj prikantataj regionoj de Rusio. Parto de ĝi, kiu rajte povas esti nomata perlo de Kaŭkazo, estas Georgio, nomata ruse Gruzio, kaj kies loĝantoj mem ĝin nomas *Kartveli* aŭ *Karthli.*

Georgio limas nordoriente al Daghestano, norde al Kaŭkazo, sude kaj sudoriente al Armenio kaj la Turkaj provincoj de Malgranda-Azio. La plimulto de la geografoj donas la nomon Georgio al la suda parto de la Kaŭkaza istmo, depost la flankoj de la ĉefa Kaŭkaza montoĉeno ĝis la limoj de Armenio kaj Persio sude, kaj de Nigra al Kaspia Maroj. Tiu nomo estas nur proksimuma, ĉar la landoj ampleksitaj en tiuj limoj ne apartenas ĉiuj al Georgio, kaj ĉiuj popoloj tie ne parolas dialekton de la Georga lingvo. La teritorioj submetitaj malnovtempe al la reĝlando Georgio tiel ofte ŝanĝis rilate areon kaj estrojn, ke estas neeble sin bazi sur la historio aŭ sur la antropologio por indiki ekzakte, kio apartenas al Georgio. La malnova reĝlando, kiun la Rusoj posedas depost 1802, formis la guberniojn de Tiflis, Kutais kaj Batum, ampleksantaj 93,000 km².

La Kaŭkaza loĝantaro konsistas precipe el kvar elementoj: Georgoj, Montanoj, Tataroj kaj Armenoj. La Georgoj okupas la centran kaj sudokcidentan partojn de Kaŭkazo. Ilia nombro superas 3 milionojn: 2,500,000 estas Kristanoj ortodoksaj kaj katolikaj, kaj ĉirkaŭ 400,000 Mohamedanoj. La nomo Georgio devenas de la landa protektsanktulo Georgo.

La Georgoj estas bravaj, gajaj, senzorgaj, drinkemaj, gastamaj. Ili estas kavalira popolo. Oni trovas inter tiuj veraj reprezentantoj de la Kaŭkaza raso la plej belajn homojn de la tero: la beleco de l' virinoj estas fama en la tuta Oriento. Ili havas altan staturon kaj majestan vizaĝon kun belaj trajtoj kaj malhelajn buklajn harojn. Kiu vivis en Rusio, rememoras pri la militaj Gruzoj, kiel ili estas tie nomataj, kun la karbnigraj okuloj kaj potencaj barboj en la ĝis genuo atingantaj jakoj, kun la longaj fermitaj manikoj kaj la puntaj ŝaffelĉapoj. Oni vidis ilin apud la Ĉerkesoj en la plezurejoj de la Rusa ĉefurbo, kie ili kiel luktistoj kaj dancistoj atake konkeris la virinajn korojn. La plej frapantaj ecoj de la Georgoj estas pasio, kiu facile degeneras en koleremon, sentemo kaj honoramo, ambicio kaj pompeco. La diversaj branĉoj de la sama popolo estas: la Georgoj, kiuj nomas sian landon Karthli aŭ Sakartuli kaj loĝas la plej grandan parton de la Rusa gubernio Tiflis; la Imeretoj loĝas la orientan parton de la gubernio Kutais; la Guroj en sudoriento de la sama gubernio, ĉe la bordoj de Nigra Maro; la Mingreloj vivas en la sama gubernio Kutais, norde de la Guroj. Ĉiuj aliaj gentoj de la Georga raso vivas en la montoj; ili estas tre batalemaj kaj rabemaj. La plej rimarkindaj estas la Svanetoj; ili havas morojn kaj ideojn religiajn, kiuj apartigas ilin de la ceteraj Georgoj. Ĉiu domo formas fortikaĵon — ili ja restis plej longe sendependaj el ĉiuj Kaŭkazanoj. Ili havas blondajn harojn. Ilia religio estas miksaĵo de idolkulto, Kristanismo kaj Mohamedanismo. Similaj al ili estas la Ĥevsuroj, Tuŝinoj kaj Pŝavoj, okupiĝantaj ekskluzive pri bestbredado. Precipe la unuaj estas disputemaj, militemaj kaj eliras preskaŭ neniam nearmitaj, kiel en la mezepoko.

La politika historio de Georgio estas ŝanĝoplena. Ĝi estas la kontinua defendo de tiu teritorio surverŝita de la

sango de ĝiaj filoj, la defendo de sufiĉe alta kulturo, kiun tiu popolo inteligenta, laborema kaj dotita de artistaj ecoj kreis dum la jarcentoj de sia disvolvo.

Laŭ la legendoj, la unua reĝo de Georgio, Thagarmos, regis en la III$^a$ jc. antaŭ Kristo (2640). Al Farnas oni atribuas la unuigon en unu reĝlandon de la multnombraj triboj, kiuj ĝis tiam estis sendependaj. Li dividis sian popolon en kastoj. Do, la aristokrata organizajo, kiu regis en Georgio ĝis nun, datas de tre malnova tempo.

La unua en la longa vico de la konkerantoj, kontraŭ kiuj la Georgoj devis sin defendi, estas la Romano Pompejus, kiu venkis ilin en 65. Ili tamen konservis siajn naciajn reĝojn kaj pli malfrue estis submetitaj al la dinastioj Arsacides, poste al Sasanides, de Persio. Jam frue ili alprenis la Kristanismon laŭ Greka koncepto. Tio okazis sub reĝo Mirian, 265—342, helpita de sankta Nina, dua patronino de Georgio. Li ludis la rolon de Clovis kaj de Clotilde en Francio. Konvertita de Nina, li petis Konstantinon sendi al Georgio misiistojn, kiuj, laŭkutime, alportis pecon de la vera kruco, najlon, kiu estis liginta Jezuon al la kruco kaj miraklan bildon de l' Savanto. Post la bapto de Mirian kaj lia edzino Nina en la ĉeesto de l' popolĉefoj, ĉiuj nobeloj sekvis lian ekzemplon. Por plirapidigi la aferon, la Antiokia ĉefepiskopo benis la riveron Kura kaj tiamaniere baptis la tutan popolon. Georgio akceptis ĉiujn Grekajn ritojn kaj fariĝis, religie, provinco de la Konstantinopla patriarko. La Georgoj devis ofte militi; ili defendis sukcese kaj tre brave sian kredon kontraŭ la Persoj kaj Mongoloj. En 446 Vaĥtang Gurgaslan supreniras la tronon kaj fondas la nacian patriarkion. Li estis la plej granda militanto de Georgio kaj konkeris multon. En 586 Guram Kuropalate fondis la dinastion Bagratide.

Ĉe la fino de la VI$^a$ jc., por ricevi helpon kontraŭ la senĉesaj atakoj de la Persoj, la Georgoj sin metis sub la protekton de la Bizancaj imperiestroj, kiuj jam frue havis influon en la lando. Submetita al la duobla influo de l' Bizanca imperio kaj Persio, Georgio estis konkerita en 732 de la kalifo Merwan II$^a$. Ĝi sukcesis ribeliĝi kontraŭ la Mohamedanoj nur la sekvantan jarcenton, en 861, sed por esti denove regata, en la X$^a$ jc., de la Deilimites, poste de la Buides. La Bizancaj moroj kaj artoj estis enkondukataj en la landon de la reĝo Georgo IV$^a$ (1017), kiu edziĝis kun Bizanca princino. Tamen la malleviĝanta potenco de Ostrom ne povis efike ŝirmi la malgrandan popolon, kaj kiam post la mallonga sangtempo sub David II$^a$, la plej granda el la Georgaj reĝoj, kiu liberigis la landon el sub la Persoj (1088—1125), en la komenco de la XIII$^a$ jc. ektondris la unua atako de l' Mongoloj, la forto de la Georgoj estis rompita. De tiam komenciĝis la dekadenco de l' regno, kies signalo estis ja la morto de reĝino Tamara (1212). Ŝia epoko (1184—1212) estis la ora epoko de l' Georgia historio. Ĝengis-Ĥan (1222) kaj pli malfrue Tamerlan aŭ Timurlenk (1387), kiuj kun siaj hordoj detruis ankaŭ la malnovan Ukrajnan regnon kaj enkondukis la jarcentojn daŭrantan Tatarestrecon en tutan Rusion, dezertigis Georgion kaj devigis ĝiajn loĝantojn transiri al Islamo. La regno reunuigita, post la skuo de l' Tatarjugo, ne povis plu reakiri la malnovan prosperecon. Por sin defendi kontraŭ la konvertpremoj de la Persoj, la Georgoj vokis al helpo denove Kristanan grandpotencon, kiu dume naskiĝis norde de ilia lando: nome Rusio. Post kiam la reĝo Aleksandro I$^a$ estis dismembriginta ĝin inter siaj tri infanoj (1442) en reĝlandojn Kaĥetio, Karthlio kaj Gurio, la pecoj estis sinsekve submetataj, dum la XVI$^a$ kaj XVII$^a$ jc., de la Turkoj kaj Persoj, kontraŭ kiuj Georgo IX$^a$ (komence de XVII$^a$ jc.) momente alvokis al caro Boris Godunov. La Turkoj estris la landon en la fino de la XVIII$^a$ jc., kiam Heraklius II$^a$, minacita de Persa invado, sin turnis al la Rusoj, juris obeon en 1793 al la imperiestrino Katerina II$^a$ kaj metis post kvin jaroj sian landon sub la suverenecon de Rusio. Tiu ĉi plenumis sian rolon kiel protektanto de Georgio pli efike, tamen ankaŭ pli profiteme ol iam Bizanco, kies eklezian heredaĵon ĝi estis ekokupinta.

En 1800 mortas la lasta reĝo de Georgio, Georgo XIII$^a$, kaj jam en 1802 Paŭlo I$^a$ deklaris Georgion kiel Rusan provincon. En 1810 tuta Georgio estas aneksita kaj lokita sub la sceptron de Rusio. Tamen la paco estis malfirma. La tiraneco, kiu regis en Georgio, estis la sama kiel tiu sub kiu ĝemis Finlando, Ukrajnio, Litovio . . . Ankaŭ ĉi tie la loka lingvo estis persekutata. La ortodoksa eklezio de Georgio estis senkapigata je sia Georgia ĉefo, la uniatoj estis perforte konvertataj al la oficiala eklezio; la malnovaj kredantoj vidis siajn pastrojn ekzilitaj . . . Unuvorte, Georgio neniel suferis malpli ol la Rusa popolo kaj la aliaj naciecoj. La tempoj de la invadoj revenis ĉiam por Georgio. Epoko de teruraj ribeloj komenciĝis en la lando, el kiuj pli gravaj estas tiuj de la montanoj en 1804, de Kaĥetio en 1812, poste en Imeretio, Gurio, Mingrelio, Svanetio.

Sed ĉiuj ribeloj estis sangdronigataj, kaj en la fino de la lukto la Rusaj vicreĝoj kaj general-guberniestroj fariĝis absolutaj estroj de Georgio kaj Kaŭkazo . . .

*(Daŭrigota.)* Laŭ *G. Brodier* kaj aliaj autoroj.

*Ivan H. Krestanov.*

---

# Imitinda lernejo

Ĉu ne malgaĵigas pensi, ke dum la aĝo tiel feliĉa, kiu devus daŭri zorglibera kiom eble plej longe, estas necese, por akirigi la deziratan vivsperton, trudi al la infano obeon, kvazaŭ ĝi estus sovaĝa ĉevalido dresota per enbuŝaĵo, enfermi lin, simile al kaptito, inter kvar senlumaj muroj, kie ĉiutage, dum longaj horoj, klinante la kapon super la libroj, liaj korpo kaj spirito misformiĝas pro la lerneja trudo? Ĉu vere estas necese, ke la plej belaj jaroj de la juneco pasu en aero malbonigita de tro multaj lernantoj, kiuj sidas amase en nesufiĉa spaco por lerni kun granda peno formulojn, ofte sensignifajn por la infanoj, kaj akiri konojn, facile forgeseblajn post la ekzamenoj, al nenio taŭgajn en la batalado por la vivekzisto? Mi ne volus, ke oni havu tro malbonan opinion nek pri mia klereco, nek pri la lernejo, kiu min instruis, sed rememorante, kion mi estis devigata lerni en ĝi kaj kio postrestis el tio, pensante pri ĉiuj elementoj de matematiko, geometrio, algebro, fiziko, el kiuj mi ne konservis eĉ konfuzan koneton, mi suferas, pensante, ke aliaj infanoj sekvas la saman vojon, pli doloran por la infanoj iom fantaziemaj kaj individuemaj, ol por malpli talentaj, kiuj elportas kiel neevitEblan ventegon la nekompreneblajn lecionojn kaj la punojn, kaŭzatajn de tia instruado.

La lernejo tamen progresis, eĉ multe; ĝi ne estas plu la lernejo antaŭ tridek jaroj, kiu bridadis mian infanviglecon. Hodiaŭ ĝi ĉesis esti turmentisto, edukanta per vergoj, kiujn ni infanoj naive iris detranĉi por niaj instruistoj dum la libertempaj postlagmezoj; ĝi ŝajnas lasi pli da libereco al la imago, ĝi malpli formulas la akirotan scion, ĝi enkondukis iom pli da higieno en sian eksteran organizon, precipe ĝi kreis instruistaron pli konscian pri ĝia tasko, pli inteligentan, pli bone preparitan, pli kompreneman pri la infana psikologio. Ĉu oni ne devus postuli de la edukistoj, antaŭ ĉio, tiun ĉi maloftan bonhumoron, alidire larĝanimecon, animinklinon, kiu komprenas, klarigas kaj

pardonas, animstaton, kiu gardas kontraŭ ĉiu profesia miskompreno, tiu ĉi terura pereigilo de la edukistoj? Spite la senĉesan progreson, mi miras, ke vivinte pli ol jarcenton post Rousseau kaj Pestalozzi — mi citas nur tiujn ĉi du grandajn nomojn — la lernejo traktas ankoraŭ preskaŭ nur teorie la senmortajn principojn, kiujn ĝi enskribas, eble, orlitere en sian programon, sed ne praktikas. Strange, ke povas ekzisti tia anomalio je nia epoko, kiun amikino de la infanaro, la Sveda filozofino Ellen Key, nomas la jarcento de la infano. Ankoraŭ malmultaj homoj scias decide forlasi la rutinon kun ĝiaj tutpretaj formuloj, kun ĝiaj arkajaj kutimoj; ne multaj ankoraŭ komprenas la sensencecon de la balastego, kiun la modernaj sciakiroj igas senutila; ili ĉiam kuntrenas la pezan kuglegon, kiu senmovigas ilin, malhelpas marŝi antaŭen. Oni bezonas ankaŭ multe da kuraĝo, energio, intelekto, takto, por adiaŭi la pasinton kaj komenci ĉion denove. La viro — ankoraŭ pli la virino estas ĉiam pli-malpli sklavoj de la ideoj, kiujn oni pretendas nepre necesaj por la laboro entreprenita. Li opinias, ke, por saĝe agi, estas necese sekvi la antaŭulojn, neniom modifante la tradiciajn regulojn.

La aluditan eraron plene evitis la lernejo, kiun mi bonŝance vizitis, gvidata de ĝia direktoro kaj de kelkaj el ĝiaj instruistoj. Ĝi estis vera rivelo al mi. La supera unuagrada lernejo en St. Gilles — unu el la antaŭurboj de Bruselo — estas certe modela institucio ĉiurilate, lernejo, pri kiu revis la plej gloraj pedagogoj, sed kiun oni tute ne realigis ĝis nun. Ĝin kreis la komunumo St. Gilles, unu el la plej multhomaj meze de la Brusela loĝantaro. Ĝi estas la komunumo, kies tre klera estraro plej multe klopodas por la popola edukado, dezirante kompletigi tion, kio mankas. En Belgio, la unuagrada instruado konsistas el tri klasoj dujaraj. La infanoj finas la lernejon dekdujaraj (nur la plej bonŝancaj el ili, ĉar multaj ricevas nenian instruadon; la gepatroj ekspluatas ilian laboron de la plej frua infaneco). Do dekdujara popolido, kies gepatroj ne povas pagi la duagradan lernejon, troviĝas devigata laborlerni, ĉar la profesiaj kursoj estas malfermataj nur al dekkvarjaruloj. Fondante la novan lernejon, la komunumo St. Gilles volis plenigi la mankon inter la unuagrada lernejo kaj la profesia instruado, fondi institucion preparantan por la metio, stimulontan al la inklino por manlaboroj kaj industrio.

En 1902, la kunigitaj sekcioj de la komunuma konsilantaro St. Gilles decidis krei komplementajn klasojn, aldonajn al la komunumaj unuagradaj lernejoj. Samjare, la lernejo malfermiĝis kun 19 lernantoj, kaj dum 5 jaroj, de 1902 ĝis 1907 ĝi funkciis, rapide plimultigante la lernantojn, en la keloj kaj subtegmentoj de antaŭa infanetejo. Fine, en 1907, ĝi povis havi sian propran konstruaĵon, kun ĉirkaŭ ducent lernantoj, okupantaj sep klasojn kun trijara studado.

La lernejo devis servi por la infanoj de laboristoj; ĉio estis kreota en tiu ĉi organizaĵo, kie la lernantoj devis ricevi ĝeneralan edukadon, preparan por ĉiuj metioj, samtempe plifortigante sian kapablaron. La ĉefaĵo en la lernejo estas la manlaboro, bazata sur la geometrio kaj la desegnado.

„Kio estas la plej utila por la homo?“ demandis sin Spencer, antaŭ ol starigi sian sistemon de scienca utilcelado. Serĉante la plej utilan por la laboristo, la fondintoj de la lernejo ĉe St. Gilles elektis la instrufakojn, nepre necesajn por la laboristo, adaptis al ili aliajn instrufakojn, kiuj prezentas utilecon ne malpli grandan, kvankam iafoje ne tiom videblan. Koncerne ĉiun el la instrufakoj, ili severege forigis ĉion, kio estis nur teorio, doktrinaj abstraktaĵoj, teoremoj, reguloj, principoj, ne helpantaj kompreni la necesajn faktojn; male, ili enkondukis en la kursojn ĉion utilan por la metiejo, la konstruejo, la fabrikejo. Simile al la infanoj de riĉuloj, kiuj per studado de klasikaĵoj atingas la komprenon de sia profesia inklino kaj sin preparas por ĝi, la filoj de laboristoj devas ankaŭ havi la eblecon lerni manlaboron aŭ teknikon, tiel ke, je la fino de la lernado, ili povu plenkonscie elekti sian metion. Tiacele, oni devas fari kompletan manlaboran edukadon de la estonta laboristo, tio estas, ebligi al li prilabori plej multe da materialoj, manuzi kiom eble plej multe da iloj, krom tio, studi pri ĉiuj instrumentoj iliajn geometrian aŭ sciencan principon, formon, funkciadon, kvalitojn, kaj variecon. Kurso pri la ilaro plenumas plej bone tiun ĉi parton de la programo. Tiamaniere, la lernejo, spite sian tendencon pure teknikan, ne specialiĝas. Ĝia celo estas prepari por la industria produktado helpantojn instruitajn, inteligentajn, elturniĝemajn, kapablajn lerni ian ajn metion rapide kaj funde.

La lernejo de St. Gilles ne vane gravuris grandlitere sur la muro de sia vestiblo la parolon de Ruskin, kiu frapis miajn okulojn tuj ĉe la eniro. „Aprobu neniam sen neceseco, laboraĵon, en kiu oni ne trovas inventemon“. Ĝi kuraĝe aplikas tiun ĉi principon al ĉiuj fakoj de sia instruado. Instruinte la lernanton pri la linioj, oni lasas liberecon al lia elpensemo kaj al lia natura lerteco, ĉu li troviĝas antaŭ peco de ligno aŭ de fero prilaborota aŭ antaŭ sia desegnotablo. Jen kial la de mi viditaj ellaboraĵoj de lernantoj — ĉi-okaze oni devas diri, ke ĉiuj senescepte estas ekspozataj, kaj oni ne faras elekton por la publiko — havas apartan karakteron, kiu malkaŝas la personecon de la farinto. La tiea instruado de la ornama desegnarto bone taŭgas, por libere evoluigi la guston kaj la imagon de la lernantoj. Tie oni ne uzas rutinajn gipsmodelojn, ĉe kies kopiado la elpensemo kaj la imago ludas nenian rolon; oni ne faras teoriajn kursojn, tiom enuigajn, ke ili plej ofte inspiras al la lernanto abomenon kontraŭ la desegnado.

„Kaj la perspektivo? La harmonio de la koloroj?“ ekkrias konsterne instruistinoj maljuniĝintaj en sia ofico. „Tio ne estas necesa“, respondas al ili la instruisto de desegnarto ĉe St. Gilles. La infano, havanta bonan vidpovon, reproduktas ĝenerale tute ekzakte ĉion, kion li vidas; la teoria instruado devas esti bazata sur konataj realaĵoj. Komencu unue per desegnado, vi pli bone komprenos poste la erarojn kiel ankaŭ la regulojn pri la reproduktado de la objektoj sur la papero. La desegnarto estas lingvo praktikota, antaŭ ol studi ties gramatikon. La lernanto devus desegni same facile kiel li skribas. Por atingi tiun ĉi rezulton, la instruisto desegnigas sur la nigra tabulo modelojn el la naturo: floroj, folioj, fruktoj, branĉoj aŭ arkitekturaj temoj prenitaj el la proksima ĉirkaŭaĵo; ĉio estas tre pligrandigita, por ke oni bone rimarku ĉiujn detalojn. La eraroj de la desegnaĵo tiel pligrandigita frapas tiom la okulojn, ke la instruisto ne bezonas fari siajn rimarkojn, ĉar la lernantoj korektas propramove. La bonegeco de tiu ĉi metodo estas nediskutebla. Oni rigardu nur la desegnaĵojn ekspozatajn en la lernejo de St. Gilles. Ekzemple, mi citos branĉon de akacio; ĉiu lernanto faris siamaniere dekoran frison pri tiu ĉi temo. Neniu forgesis reprodukti la dorneton, troviĝantan ĉe la bazo de la folio, kiun mi eĉ neniam estis rimarkinta. Oni vidas, ke la lernantoj sin inspiras per la modelo, por krei, verki, elpensi, ĉiu laŭ sia temperamento kaj sia persona vidkapableco. La lerneja meblaro estas farita parte de la lernantoj. Mi rimarkis lerte faritajn tablojn por desegnado kaj kelkajn belajn dekorobjektojn.

Koncerne la moralan edukadon, la nova lernejo ankaŭ forlasis la kutimajn sistemojn kaj starigis principon de nedevigo. Nek punon, nek rekompencon. Sed taskon malbone faritan oni konsideras kiel nefaritan, kaj rifuzas, se la eraroj ne estas pravigeblaj. Ĉar la malaprobo de la instruistoj ne devas resti neatentata, la lernanto mem notas en kajereto la faktojn, kiuj elvokis mallaŭdon, same la forestojn kaj mal-

fruiĝojn. La instruisto siaflanke notas tion, kaj oni havas reciprokan kontrolon fine de ĉiu semajno. La mensogo kaj denunco, severe malpermesataj, povas kaŭzi forpelon de la lernanto. Sed kion faras la lernejo okaze de grava kulpo? Ĉu ĝi forpelas senapele? Ĉu estas logike averti la gepatrojn, se la lernejo ne ŝatas la denuncon? Tio prezentas devkonflikton pripensindan, veran embarason. La lernejo solvas tion, sendante al la gepatroj, kies infanoj faris ion riproĉindan, karton senskriban sur ĝia dorsa flanko, sed kun la lerneja adreso sur la antaŭa. Tuj ĉe la komenco, la gepatroj kaj la lernantoj estas jam avertitaj pri tia eventualaĵo; tial ili scias, kion signifas la ricevo de la karto. La infano ne havas alian alternativon ol konfesi sian malbonan agon sur la karto, kiu, subskribita de la patro, estas resendata al la lernejo. Oni ankoraŭ aldonu, ke la karto povas ankaŭ servi por atentigi pri ago laŭdinda. Tiu ĉi sistemo ebligas nek malverecon, nek preterlason en la komuniko; ĝi trafe montris siajn meritojn. Cetere, la lernejo ne havas oftan okazon sendi la timindan karton. La atmosfero de honesteco, sincereco, morala saneco, libereco, kiun limigas nur la prirespondeco de tiu, kiu ĝin praktikas, kaj lia respekto al la libereco de la aliaj, tiu ĉi atmosfero, kiun zorge subtenas la lernejo de St. Gilles, influas sur la konduton de la lernantoj. Ĝi estas lernejo altvalora por la popolo; la infanoj sendube kun ĝojo vizitas ĝin; vere, ili tie sin preparas al la vivo, kiu, tiom peniga por la plimulto inter ili, nepre postulas plej fruan antaŭdefendon.

Se Belgio ne ankoraŭ enkondukis devigan frekventadon de la lernejoj antaŭ la milito, kiu paralizis ĝiajn penojn, ĝi marŝadis en la fronto de la civilizitaj landoj, koncerne sian lernejan organizon ĉe kelkaj privilegiitaj komunumoj.

Mi opinias, ke oni devus iri malproksimen, antaŭ ol trovi lernejojn kun reformita higieno kaj estetiko, kiajn oni efektivigis en Bruselo. Ne facile ankaŭ oni trovus institucion, similan al la supera unuagrada lernejo de St. Gilles, kie la edukmetodoj la plej modernaj, la plej raciaj, la plej humanaj estas plene aplikataj, senintermanke, ankaŭ sen pedanteco laŭ la spirito plej komprenema kaj tolerema. La direktoro, S-ro U. Devogel, eminenta administranto same kiel sperta pedagogo, sciis efektivigi la ideojn tiom longe restintajn sen apliko. Mi diris al li mian miron pri tio, ke li sukcesis grupigi ĉirkaŭ si plej taŭgan instruistaron, kunlaborantan laŭ sama spirito. Li respondis: „Ĝi ne estis malfacila. La funkciado kreis la organon: ni bezonis por nova lernejo novajn instruistojn, ni trovis ilin."

*Marguerite Gobat.*
Trad.: *A. Ŝ.*

---

# Pri industria paco

En la konata fakjurnalo „Engineering" S-ro H. L. Gantt pritraktas la demandon, kiajn salajrojn la laboristo preferas, kaj li konkludas: ne altajn kaj nedaŭrajn, sed konvenajn kaj daŭrajn. Ĉiuj sistemoj de laborpago estas „nur rimedoj por vidigi la faktojn sammaniere al la entreprenisto kaj al la laboristo". Estas de longe aksiomo de la komercistaro, ke finfine la plej profitaj negocoj estas tiuj, kiuj plej multe utilas al la aĉetanto kaj al la vendanto „Nun la industriistaro komencas koni, ke estas same inter la labordonantoj kaj la laborprenantoj, kaj ke aranĝoj, kiuj ne taŭgas por la du partioj, ne estas daŭraj. Alie dirite: la sola bona stato estas tiu, en kiu la entreprenisto havas la plej bonajn laborfortojn, kaj tiuj ĉi la konvinkon, ke ili ricevas por sia laboro la kiel eble plej altan prezon." La demando ne estas pri akiro de salajroj tre altaj en tempoj speciale favoraj, sed pri tio, ke ĉiutempe laboro estu havebla por konvenaj salajroj. La entreprenisto, kiu en prosperega situacio multe enspezas, havas la devon havigi laboron al siaj laboristoj en malbonaj tempoj. Se oni konsentas ĉi tiun postulon, kiu verdire estas konsiderata tute prava de la socialaj reformistoj Böhmert, Gilman k. a. kaj de multaj inteligentaj entreprenistoj, la problemo de ĝustaj rilatoj inter la du partioj solviĝas per la certigo de konstanta laboro kun konvena pago. Sed kompreneble tio estas ebla nur kondiĉe, ke la fabrikisto restas konkurkapabla, kaj tion li povas nur, se li konservas taŭgan ilaron kaj bonan administron. Tiurilate Gantt aprobe citas la „kvar kondiĉojn" de Frederik W. Taylor jene:

Por akiri la plej altan rezultajon de la laboro estas bezonaj kvar kondiĉoj: 1e Perfekta kono de la plej bonaj labormanieroj; 2e instruanto kapabla kaj preta instrui al la laboristoj la uzon de tiu kono; 3e alloge alta pago por bonega laboro; 4e malpliigo de la salajro, se la laborkapablo de la laboristo malpliiĝas. Ni supozu, ke laboristo de certa tornotablo kapablas fabriki dek aksojn ĉiutage, kaj ke la pago estas 30 cendoj po akso. Se li nun fabrikus malpli ol 10 aksojn, li po peco ricevus nur 25 cendojn; por dek do 3 dolarojn, por 9 nur 2¼ d. Ĉi tiu diferenco estas tiom granda, ke la laboristo penos se eble fari la dek.

Okaze de tio mi ree stariĝu por la partopreno en la profitoj.

Tio, kio plej konvinke rekomendas la partoprenon de la salajruloj en la gajnoj de la entreprenisto, estas la cirkonstanco, ke ĉi tiu maniero de pagreformo certigas pli bonan kunlaboradon de la tri faktoroj de la produktado de komercajoj: la kapitalisto, la entreprenisto, la laboristo. Ĉar la lasta havas la saman intereson en la prospero de la komerco kiel la du aliaj, la rilatoj inter la tri fariĝas pli intimaj kaj koraj. Ĝis nun la profitoj de la entreprenoj estas plej ofte dividataj inter la kapitalisto kaj la entreprenisto — tre ofte la sama persono — dum la laboristo devas esti kontenta je sia salajro. Se oni permesus al li partopreni en la gajno, estus lia intereso helpi la gajnon, kaj li tion farus per sia akurateco, diligenteco, zorgemo kaj ŝparo de la materialoj. La batalantoj por la partopreno en la profitoj opinias, ke tia estus la ordinara kaj natura rezultaĵo ĉe la meza laboristo, ĉar li havas la saman homnaturon kiel la entreprenisto kaj ĝenerale ĉiuj homoj; ankaŭ li estas regata ĉefe de memintereso, de natura egoismo. Tial la laboristo, sekve de partopreno en la profito, pli malofte strikus, montrus pli da bonvolo, kaj necesigus malpli da kontrolo; la enspezoj de la komerco estus pli gravaj, kaj la kresko de la kapitalo kaj entrepreno, malgraŭ la partopreno de la laboro, tre ofte ne malpli granda, ofte pli granda ol en la kutima nur salajra sistemo.

Unue mi priskribu partoprenan administradon apartenantan al industria fako, en kiu la salajroj estas relative malaltaj, la kapitaloj grandaj, la graveco de la manlaboro, kompare kun la laboro per maŝino, malgranda, kaj la inteligenteco de la laboristo mezvalora, nome la teksa industrio. Al ĝi apartenas la konataj kotonŝpinejoj de la Bourne-Company, en Fall-River (Ŝtato Massachusetts), kie la diritaj cirkonstancoj troviĝas pli-malpli malfavoraj por la apliko de la partopreno en la profitoj. Tamen la tie alprenita partoprena praktiko estas unu el la plej sukcesaj, sekve de la singardo uzita en la apliko de la sistemo.

La elekto de ĉi tiu „okazo" kiel ekzemplo por la eblecoj de la partopreno en la profitoj praviĝas ĉefe pro la jenaj kialoj: 1e La okazo estas moderna; 2e tamen sufiĉe malnova (ĉirkaŭ 29 jaroj) por povi esti konsiderata kiel firma; 3e ĝi suferas maloportunajojn, kiujn malhavas multaj aliaj industriaj branĉoj; 4e ĝi estis longe elmetita al la malamika kritiko de la aliaj fabrikistoj en tiu urbo.

S-ro Jonathan Bourne, la unua prezidanto de la Bourne-Company, kiel antaŭa posedanto de balenkaptejo, bone konis la kutimon tiom bone pravigitan en la balen- kaj fokkaptado, havigi al la viraro de ĉiu ŝipo parton de la profito (per mono aŭ per naturajoj). Pro tio li havis la ideon enkonduki similan partoprenon en la fabrikejon. Post serioza pripensado, kaj dum prospera komercado, la direktoroj, en majo 1889, surprizis la laboristaron per cirkulero, kiu anoncis por la 1. julio la komencon de partoprena administrado, unue nur prove, duonjare. Post la morto de Bourne, tiu ĉi praktiko estis daŭrigata sesioje, antaŭ ol oni ekkonis la bonajn rezultajojn de ĝi. La direktoroj certe estas bonvolaj kontraŭ siaj salajruloj, sed en la daŭrigo de sia konduto ili tute ne estas inspirataj de filantropiaj, sed nur de aferaj konsideroj; ili rigardas la aferon tia, kia ĝi estas: io utila al ambaŭ partioj.

Ĉiu laboristo, kiu dum unu jaro faras sian laboron konscience, rajtas havi parton de la profito akirita dum tiu tempo, „proporcie al la dividendoj pagitaj al la akciuloj“. Ĉi tiu parto estas konsiderata kiel salajra dividendo. Ne malpli ol ses, kaj ne pli ol dek procentoj — laŭ la juĝo de la direktanta konsilantaro — de la profito de la firmo estas la parto de la laboristaro, kaj la unuopa parto dependas de la salajra kvanto de ĉiu unuopulo. Ĝis nun tiuj partoj konsistis el kvin kaj dek procentoj de la fiksaj salajroj.

En la jaroj 1889 ĝis 1914 inkluzive, la Bourne-Company ofte pagis dividendojn dufoje pli altajn ol tiuj de siaj konkurantoj. La kasisto ĉiam avertis la laboristojn, kiel ankaŭ la publikon, ke ili ne atendu tro favoran rezultajon el la sistemo, sed aldonis: „Interne de certaj limoj, kaj se la kondiĉoj estas favoraj, la afero estas provinda por ĉiu malavara komercisto.“ Kiam foje estis farata sekreta voĉdonado de la laboristaro pri la demando, ĉu la partoprena aranĝo estu daŭrigota, unu supermezure konscienca laboristo voĉdonis per ne, ĉar li opiniis, ke la firmo ne ricevus samvaloran profiton por la salajra dividendo!... La lastaj informoj de la kasisto laŭde mencias la malaperon de fuŝita komercajo en la fabrikejo depost la enkonduko de la nova sistemo, kiel ankaŭ la kvalitan plibonigon de la tuta produktajo.

Koncerne la organizon de la partoprena praktiko, oni en ĉiu okazo konsideru la specialajn cirkonstancojn. Oni ankaŭ konscience studu la fakan literaturon, por ekkoni la plej bonajn rimedojn aplikotajn en ĉiu aparta fabrikado (precipe „Gewinnbeteiligung“ de Böhmert, Leipzig 1878, „Teilung des Geschäftsgewinnes“ de Gilman, Leipzig 1891, „Guide pratique de la participation“ de Tombert, Paris 1896 kaj mian „Gewinnbeteiligung“ Leipzig 1904). La gvidantaj principoj estu la jenaj: Konsento de 25—75 procentoj de la profito kiel parto da la laboristaro, postulo de almenaŭ duonjara servo kiel kondiĉo por esti rajtigita je la partopreno, almezuro al la unuopaj partoj laŭ la fiksaj salajroj, foruzo de kiel eble plej granda parto de la dividendo de ĉiu partoprenanto al la ŝparprizorgo por li aŭ lia familio, forigo de ĉiu limigo de la proprajrajto de la partoprenanto je lia eble amasita partmono sekve de eksiĝo k. t. p.

Ĉiu industria administrado se eble konsideru kiel superegan organizan demandon por sia prospero, enkonduki bonan praktikon de partopreno de la laboristoj en la gajnoj. Tio, se ĝi estas ĝuste komprenata, mone kaj morale rekompencos.

*L. Katscher.*

Trad.: *A. C.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **Pri la estinta kaj la estonta kresko de la loĝantaro.** — Jen kion skribis antaŭ kelkaj jaroj Prof. Vilfredo Pareto en sia „Manlibro de politika ekonomio“, tradukita en pluraj lingvoj: „En Norvegio, la diferenco de la naskiĝoj kaj mortoj, de 1805 ĝis 1880, montras jaran loĝantaran kreskon da 13,48 por mil; en Anglio, de 1861 ĝis 1880, ĝi atingas 13,4 por mil kaj en Germanio 12,3 por mil. Ni supozu, ke la loĝantaro de tiuj tri landoj, kiu atingis 72,728,000 en 1880, daŭrigas kreski laŭ la plej malalta el la supraj proporcioj, t. e., 12,3 por mil. Post 1200 jaroj la nombro de la homoj estos 1707 sekvata de dekunu nuloj. Ĉar la areo de la terglobo estas 131 milionoj da km², estus do pli ol unu loĝanto po m², kio estas absurda. Estas do neeble, ke la loĝantaro de tiuj tri landoj povos kreski en la sama proporcio kiel en la periodo 1861—1880.

„Rilate al la estinteco, oni povas rimarki, ke se la monda loĝantaro estus nombrinta 50 milionojn je la komenco de la Krista tempkalkulo kaj se ĝi estus kreskinta laŭ la proporcio konstatita en Norvegio, en 1891 la nombro de la homoj estus 489 sekvata de 16 nuloj. Ni supozu, ke en 1086 (iom post la konkero Normanda), Anglio estus havinta du milionojn da loĝantoj; se ĝi estus kreskinta laŭ la proporcio nun observata, ĝi havus 84 miliardojn da loĝantoj en 1886. Se la loĝantaro de Anglio daŭrigus kreski laŭ la proporcio konstatita de 1801 ĝis 1891, post ses jarcentoj kaj duono, estus en tiu lando unu loĝanto po m². Tio estas absurda; estas do certe, ke la loĝantaro ne povis kreski nek povos kreski laŭ la sama proporcio kiel en la fino de l' XIXa jarcento; per tio estas pruvate, ke estis kaj estos malhelpoj je tiu kresko.

„Serĉante demonstri nian aserton, ni okaze trovis ion alian. Ni vidas, ke la XIXa jarcento estis escepta, rilate al la kresko de Norvegio, de Anglio, de Germanio kaj ke ne povos okazi samproporcia kresko de tiuj landoj dum longa tempo.“

Rilate al la supraj rimarkoj, estas interese noti, ke la landoj plej suferintaj de la milito aŭ plej suferontaj de ties konsekvencoj (ekz. malsanoj rezultantaj de malsato) estas ĝuste la landoj, kie en la lastaj jaroj la nombro de la naskiĝoj pli multe superis la nombron de la mortoj, t. e. Germanio, Rusio, Balkanaj landoj, Aŭstrio-Hungario.

∴ **Militelspezoj.** — S-ro J. Kitchin, Angla statistikisto, kalkulas jene la elspezojn de la militintaj ŝtatoj:

| | Milionoj da frankoj |
|---|---|
| Britio kaj posedajoj | 208,125 |
| Francio | 150,000 |
| Usono | 100,000 |
| Rusio | 90,000 |
| Italio | 60,000 |
| Belgio | 5,000 |
| Rumanio | 4,750 |
| Serbio-Montenegro | 3,250 |
| Sumo por la Entente-ŝtatoj | 621,125 |
| Germanio | 218,750 |
| Aŭstrio-Hungario | 120,000 |
| Turkio | 9,250 |
| Bulgario | 3,750 |
| Sumo por la centraj ŝtatoj | 351,750 |
| Tuta sumo | 972,875 |

∴ **La gripo.** — Laŭ la medicina korespondanto de la „Times“, la gripepidemio verŝajne kaŭzis pli ol dekdu milionoj da mortoj, t. e. pli ol la milito, ĉar ĝi disvastiĝis super la tuta tero kaj estis aparte kruela en multloĝataj landoj kiel Hindio aŭ Ĉinio.

Laŭ tiu cifero la gripo aperas kiel unu el la plej grandaj malfeliĉoj, kiujn konis la historio. Dum la ĥolera epidemio en 1829—1830 mortis maksimume nur unu miliono da homoj en Eŭropo. La granda pesto de Londono, kiu okupas tiel gravan lokon en la historiaj libroj, ne faris pli ol 100,000 viktimoj.

Oni tamen devas atenti, ke la tiama loĝantaro estis multe malpli densa: la nigra pesto en la XIVa jc. mortigis en Anglio trionon de la loĝantaro. Dum la pesto, kiu regis en Romo 80 p. Kristo, 10,000 personoj mortis ĉiutage, kaj la historiisto Gibbon taksas, ke de 250 ĝis 265 p. Kristo, la duono de la loĝantaro de la Roma imperio pereis de la milito, de la pesto kaj de la malsatego.

Komparante tiajn proporciojn kun la nuntempaj, oni devas ankoraŭ sin konsideri feliĉa.

∴ **Paco kaj lernejo.** — Dum la lasta Internacia Kongreso por la Ligo de la Nacioj, okazinta en Bern, oni voĉdonis la jenan rezolucion:

„La Kongreso por la Ligo de la Nacioj rekomendas la kreon de Internacia Instituto por la edukado de la popoloj. Tiu instituto havu la taskon:

1e zorgi por tio, ke ĉiu malama, ŝovinisma kaj mensoga propagando en la lernejo kaj per la gazetaro estu malhelpata;

2e doni sian moralan kaj financan apogon al ĉiuj aspiroj kaj organizoj, kiuj helpas veki en la popoloj repaciĝeman spiriton ĉe la junaj generacioj.

Fine por faciligi la interpopolajn rilatojn, la Kongreso rekomendas la akcepton de *neŭtrala lingvo internacia* kaj ties enkondukon en la lernejojn, flanke de la patra lingvo."

(Vidu pli detalajn informojn pri tio en la rubriko „Diversaĵoj".)

∴ **Edukado kaj paco.** — Komence de februaro okazis en Bern Internacia Konferenco de la Virinoj, en kiu partoprenis diverslandaj edukistinoj kaj feministinoj. Post interesa raporto de S-ino Jouve (Francio) pri la neceseco de profunda edukreformo por eviti estontajn militojn, estis voĉdonita i. a. la jena rezolucio:

„La Internacia Konferenco de la Virinoj, okazinta en Bern la 11—12 februaro, konsideras, ke la reformo aŭ reorganizo de la lerneja instruado kaj ĝenerale de la edukado estas la ĉefa rimedo por konkorde ligi la popolojn kaj neniigi la nunan malamikecon inter ili.

„Ĝi deziras plej funde pritrakti tiun ĉi problemon ĉe la proksima Internacia Konferenco de la Virinoj. Tiucele ĝi starigas jam nun komisionon, kiu prizorgos senprokraste le preparajn laborojn.

Tiu ĉi komisiono, konsistanta el S-inoj A. Jouve (Francio), G. Heymann (Germanio), N. Ornstein (Aŭstrio), M. Gobat (Svisio) petas ĉiujn personojn, kiuj interesiĝas pri la reformo de la instruado en la dirita senco, sendi siajn proponojn al la gazeto „Aujourd' hui", 39, Avenue Ernest Pictet, Genève. Oni povas skribi Esperante.

∴ **Progresoj de radiotelegrafio.** — La radiotelegrafia societo Marconi en Nov-Jorko komunikas, ke supera inĝeniero A. Weaggant dum la milito prilaboris elpensaĵon, kiu malhelpas la atmosferajn sensarĝiĝojn en la radiotelegrafio — kio de post la eltrovo de Marconi estis konsiderata kiel la plej dezirinda progreso en la radiotelegrafio. Sekve de tiu elpensaĵo ne plu estas necese starigi tre altajn telegrafturojn, ĉar laŭ la principo eltrovita de Weaggant sufiĉus antenoj, kiuj estus streĉataj nur je kelkaj futoj super la tero.

∴ **Kiel progresas malgrandaĵo.** — Dum 1879 indiĝeno el Agra, Ora Marbordo en Afriko, nomata Tettey Quashie, iris labori kun aliaj viroj de sia vilaĝo sur plantejon de kakao en la Hispana insulo Fernando Po. Revenante li prenis kun si kelkajn kreskaĵojn de kakao, kiujn li plantis en sia vilaĝo. Kvar jarojn poste li rikoltis la unuajn fruktojn, kiujn li povis vendi je bona prezo en la proksimaj vilaĝoj. Ĉar la negroj vidis, ke tiu laboro gajnigas monon, ili ankaŭ havigis al si kakaokreskaĵojn, tiel ke en 1885 povis esti eksportata la unua ŝarĝo de kakao. Pezinte 100 kg. ĝi valoris proksimume Fr. 150. Ne estas konate, kio fariĝis el Tettey Quashie, sed lia entrepreno floris. En 1890 la Basela Misio multe helpis, importante junajn kreskaĵojn el okcidenta Hindio. Ĝi vendis ilin al la indiĝenoj kaj zorgis por disvastigo de la konoj pri lerta plantado. Dum 1901 la eksporto de kakao el la Ora Marbordo jam atingis 960 tunojn, je valoro de Fr. 1,070,675; en 1911 ĝi atingis 35,261 tunojn por Fr. 40,336,700, kaj dum 1916 oni eksportis ne malpli ol 72,161 tunojn, valorantajn Fr. 96,193,000

---

 LITERATURO 

*EL LA FLANDRA LITERATURO*

# Bildoj el la estinteco

de **Ant. Bergmann**

Advokato Anton Bergmann (1835—1870) naskiĝis kaj mortis en Lier (Provinco Antverpeno). Kiel Flandra literaturisto li uzis la pseŭdonimon Tony. Li verkis kelkajn historiajn librojn, diversajn skizojn kaj noveloj, kaj lia ĉefverko estas „Ernest Staas". Humoro, delikateco, sentopleneco karakterizas ilin.

## Onklinjo

Sola kaj melankolia mi sidas en mia studoĉambro.

Tiun tagon mi esploris enuigajn procesojn, foliumis ĉagrenigajn leĝolibrojn, kaj mi fine troviĝis feliĉa en mia larĝa apogseĝo, ĝuante iom da ripozo.

La fenestro estis malfermita. La varmo sufokiga. Duone revantaj, miaj okuloj sekvis la strangegajn formojn kaj la malhelajn kolorojn de la nubegoj, kiuj peze kaj malrapide preterflugis.

En la malproksimo bruegadis kiel uragano la miloj da voĉoj de la granda urbo, kaj ilia konfuza bruado venis estingiĝi en miaj oreloj kiel sopirego. Ĉu estas iluzio? Sed subite ekŝajnas al mi, ke, sur la kamparo, mi aŭdas la bruetadon de la balanciĝantaj poploj, kaj tiu melankolia bruo, kiu estinte tiel multfoje revivigis min, aperigas antaŭ mia spirito mondon da bildoj kaj rememoroj.

La estanteco foriĝas kun ĉiuj siaj embarasoj kaj zorgoj. Mia maloportuna ĉambro, miaj polvaj libroj kaj miaj ŝimaj paperaĵoj estas forgesitaj.

Freŝa vento, el jaroj jam de longe forflugintaj, min alblovas. Dum momento mi rejuniĝas, mia koro pli varme batadas, kaj mia sango pli rapide fluetas; mi retrovas la helajn tagojn de mia infaneco kun iliaj vivaj ĝojoj kaj senfinaj ĉagrenoj, kaj mian de longe forflugintan junulecon kun ĝiaj oraj revoj.

Tie, kontraŭ la ombrita ŝoseo, inter la vermboritaj kverkoj, mi ekvidas humilan dometon kun blankaj muroj, verdaj fenestraj kovriloj kaj ruĝa tegoltegmento.

Ŝajnas al mi, ke mi rekonas la somerloĝejon de Onklino, la Pannenhuis[1], kiu, malantaŭ la verda foliaro, levas sian ruĝan pinton super la pajlotegmentoj de la kampodomoj.

Sur la murfestono turniĝas orumita Kozako, kiu, sur orumita ĉevalo, vojaĝas de l' Nordo al l' Sudo, kaj per orumita lanco montras la venton.

Inter la fenestroj serpentas la tuberplenaj branĉoj de maljuna vinberujo.

Sur la herbobedeto ĉirkaŭ la domo saltadas kaj petolas Man, nia fidela pudelo.

Antaŭ la disŝovitaj kurtenetoj sidas Onklino mem, kun sia bonhoma vizaĝo, sia granda nazumo sur sia kava nazo, la duone finita ŝtrumpo en la maldika mano.

Bona onklino! tiel mi vin retrovas en miaj plej malnovaj rememoroj, ĉiam same bonvola, same indulga, same zorgema por la malfeliĉa orfo, pri kiu vi interesiĝis.

Feliĉaj momentoj de miaj infanjaroj! via memoro disjetas radion de paco kaj de pureco super la tuta vivo.

Kiel senzorge kaj gaje la tagoj preterpasas!

Mi enloĝas kun Onklino la pacan Pannenhuis.

Mia dormoĉambreto estas flanke de ŝia noktoĉambro.

[1] Tegoldomo.

Mi ŝin aŭdas iradi kaj moviĝi ĝis kiam mi ekdormas, kaj mi dormas sen ia timo; ĉar tuj ni estas kune kiam la vento tro terure sibladas tra la altaj arboj aŭ kiam timiga sonĝo min vekas.

Antaŭ ol ektagiĝas, mi aŭdas la pezajn kampanajn ĉarojn veturi sur la ŝoseo, kaj la plumbaj vitrajetoj tremadas kaj rebruetas pro la skuo. Ho, tiam estas bone ankoraŭ foje sin turni, sin envolvi kaj senti, kiel la malvarmo ekstere pikas, kaj kiel bonvarme estas en la liteto.

Jen la matensuno alportas sian unuan saluton; radieto ŝtelire enpenetras tra la vinberbranĉoj ĝis sur la neĝblanka litkurteneto, kaj mil polveretoj dancadas kaj svarmas en la brilo.

„Erĉjo, estas la sepa!“ oni krias je la tria fojo ĉe la ŝtuparo.

Mi jam aŭdis nian Mie, kiu alportas la kafon, kaj Man, kiu bojas pro sia manĝoparto. Estas tempo por ellitiĝi.

Onklino min atendas por la matenmanĝo, kaj ŝia unua vorto estas patrinbeno por la infano, kiu ne plu ĝin povas ricevi de kiu ajn.

Dum la mateno la kampanoj revenas de la urbo, ofte ŝancelpaŝe sed kun plenaj monujoj. La buterkorboj malmulte pezas sur la kapo de la vilaĝaninetoj, kaj ilia paŝo estas vigla.

Bruo kaj movado regas sur la irejo, kaj estas gajige por infano ludadi kaj saltetadi inter la ĉaretoj kaj ĉaroj kaj ĝojkriadi antaŭ la pordo de la Pannenhuis.

Ekvesperiĝas. La lasta poŝtveturilo, balanciĝante kaj skuiĝante, preterveturas, kaj trifoje po semajno la veturigisto malsuprenĵetas la laste publikigitan numeron de la „Postrijder“[1], en kiu Onklino legas la geedziĝojn, sed pli ofte la morton de siaj estintaj konatuloj, kaj nia Mie silabas la bruladojn kaj katastrofojn.

La kurtenoj estas kunŝovataj kaj la kovriloj fermataj. Ĉio eksilentas. Nur la bojado de gardhundo en la malproksimo rompas la kampanan ripozon kaj starigas al Man la orelojn.

Oni alportas la lampon. Onklino ekprenas sian trikotaĵon kaj sidiĝas sur la malnovan kanapon, tegitan per bruna damasko, en kiu oni sidas vere tiel agrable.

Flanke de ŝi moviĝadas kaj rampas malripozema knabeto kun blondaj haroj — jes, li havis tiam blondajn harojn — kaj vivoplenaj okuloj.

„Sed, Erĉjo“, admonas la trikantino afable frapetante sur la ŝultrojn de la infano, „ĉu vi ja ne povas vin teni trankvile eĉ dum unu ‚Ave Maria‘?“

„Nu, mi sidas tiel trankvile kiel museto,“ senkulpigas sin la infano, kiu ĝuste faras dancetadon sur la risortoj de la kanapo.

„Certe,“ daŭrigas la maljuna laborantino, „jam trifoje mi lasis falimiajn maŝojn, kaj mi tute ne kapablas ilin repreni.“

„Onklinjo,“ karese demandas la infano, „ĉu vi ĉiam devas triki? Rakontu al mi ion el via juneco, pri kiu vi tiel volonte parolas?“

„Hodiaŭ ne,“ kapneas la diligenta laborantino, premante inter siaj fingroj la rozkolorajn infanvangetojn, „ĉu vi volus, ke mi ne estu fininta je la datreveno de Marinjo? Estas postmorgaŭ, kaj mi nur estas je mia unua paro“, kaj la lanfadenbulo rec ekruliĝas sur la tablo, la trikiloj rapide glitŝovas unu super la alia, kaj Erĉjo sidas tiel trankvile kiel museto ... dum la daŭro de unu „Ave Maria“.

Feliĉaj rememoroj! Freŝaj bildoj el jaroj de longe forflugintaj!

Kie estas la Pannenhuis? Kie la orumita Kozako? Kie nia bona Man? Kie Onklino mem kun sia trikilaro kaj ŝtrumpo?

Onklino kun sia trikilaro estis nedisigeblaj en la vivo, mi ne povas ilin disigi en mia spirito.

El la Flandra lingvo trad.: *Van Haute A.*
(Eltirajo el „Ernest Staas“.)

[1] Postvojaĝanto.

# La Tondromuŝetoj

Alegoria rakonto de **Emanuel Van Driessche**

Emanuel Van Driessche naskiĝis en Zele (Orienta Flandrio) en 1824 kaj mortis en Ixelles apud Bruselo 1897. Li estis profesoro de Flandra literaturo en la reĝa Ateneo de Ixelles, kie li estis samtempe skabeno de la Publika Instruado. Li verkis diversajn poeziaĵojn, novelojn, paroladojn kaj ĉefe teatraĵojn. Dum la Sepa en Antverpeno estis ludata lia „Voor Stille Menschen“ (Por kvietaj personoj) lerte tradukita de Amatus Vanderbiest-Andelhof.

Neniu nubo videble moviĝis en la firmamento; neniu folieto de la arboj delokiĝis; tute kvieta estis la temperaturo; fajre radiis la suno; la aero estis sufokiga, la tuta kreitaro sopiris al nevarmeco, al freŝeco.

Tiu stato, kiu ege ĝenis kaj senfortigis la pli grandajn bestojn, ŝajnis plej ŝatata de la tondromuŝetoj, kiuj pro ĝi plivigligis. Ili flugis milionope kaj saltis en la ĝardeno de branĉeto sur folieton kaj de folieto sur branĉeton. Ilia animstato ŝajnis tia, kvazaŭ ili estus festintaj la komunan festotagon de sia ekzistado. Ĉiuj estis ridantaj kaj kontentaj; jes, pli ridantaj kaj kontentaj ol iam oni povus vidi homojn ridantajn kaj kontentajn. Kaj ju pli sufokiga iĝis la aero, des pli moviĝemaj aspektis la muŝetoj.

Subite, tie en la malproksimo, nubo elektroza disiĝis, fulmolumo traflugis la aeron, imponiga tondrobato aŭdiĝis kaj forbruis ĉe la horizonto. Nun la muŝetoj iĝis vere gajaj; ili ŝajnis esti kvazaŭ varmigitaj per la fulmofajro kaj dancemigitaj pro la laŭtega muziko de la tondro. Regis komuna dancetanta moviĝo en tiu tuta respubliko de flugilhavaj burĝoj.

Sed vidu! ... Kio ja povas okazi tie? La tuta muŝetaro direktiĝas al tiu granda sunfloro, kiu klinas sian kapon teren de kiam ĝi aŭdis la tondrobaton! Ĉu tiuj milionoj da idetoj, devenantaj de unu generacio, nur pro interfrateco rifuĝus kune sub tiun grandegan sunfloron por esti ŝirmataj kontraŭ la danĝero de la komenciĝanta tondropluvego?

Sendube la kunveno havas grandan celon. Ili sidas jam laŭ rangoj de miloj sur unu folieto. Nu, jen! Unu sidas meze, sur la plej alta grajneto de la floro kiel reĝino sur sia trono; ĉiuj aliaj ŝajnas kliniĝi al ŝi kaj aŭskulti ŝian voĉon! Ĉu eble ŝi estus la leĝdonantino aŭ la prezidantino de tiu flugilhava respubliko? Sendube, ĉar neniu maltimas levi siajn okulojn; ĉiuj sidas atente aŭskultantaj kun mallevita kapeto. Aŭskultu ni ankaŭ:

— Miaj infanoj, ekparolas nun klare la estrino, dum la danĝero mi devas ŝirmadi vin kaj komuniki al vi miajn saĝajn konsilojn, kiuj estas fruktoj de matura sperto. La larmoj rulas el miaj okuloj, karegaj infanoj, kiam mi vidas, ke vi tiel sentime ludas kun via vivo; vi estas ĉiuj kontentaj kaj ĝojaj, sed kredu min, granda danĝero minacas nin!

Nun oni bone vidis tremi la muŝetojn kaj timeme retiri ilian kapeton. La patrinmuŝo daŭrigis:

— Ĉu vi ne vidas tie, en la vasta alteco, tiun flamantan lumon — ĉiuj duone rigardis la sunon, kapjesis, dum rec ili retiris sian kapeton — nu, tiel daŭrigis la parolantino, tio estas fajrobulo, mi estas certa pri tio, kaj tiu fajrobulo alproksimiĝas al ni. Kiam mi antaŭ longe, antaŭ tre longe estis naskiĝinta, tiam tiu bulo troviĝis tie, tre malantaŭ la abioj, kaj nun ĝi estas jam rampinta ĝis super niaj kapoj; kredu min, kaj fidu mian grizan saĝecon, la finiĝo de la mondo estas proksima!

Nur nun la aŭskultantoj ja ektimegis. La prezidantino, la plej aĝa tondromuŝo de la tuta respubliko, la patrino de la tuta generacio, konigis la finiĝon de la mondo ... Kaj kiu estus dubinta pri ŝia saĝeco! ... Ŝi, kiu jam figuris de jarcentoj kaj jarcentoj en la jarlibroj de la tondromuŝetoj! Ŝi estis naskiĝinta ĉirkaŭ la sesa matene, kaj je la momento de ŝia alparolo estis jam la dua posttagmeze. Kalkulu, kia nemezurebla vivodaŭro tio estas por tondromuŝeto! ... Ok horojn — kvarcent-okdek minutojn — dudekokmilcent sekundojn! ... Dum tiu nememorigebla daŭro ŝi vidis jam tutajn generaciojn elmorti kaj ankaŭ aliajn ekvivi! ... Tial la res-

pekto, kiun la infanoj montris al ŝi, estis senlima, kaj kun fido ŝi daŭrigis:

— Jes, miaj infanoj, ni preparu nin por la morto, ni ree eniru la eternecon kun la certeco, ke la vivo, kiom longa ĝi estas kaj kiom ege oni ĝuas ĝin, nur estas vantaĵo! Mi povas tion diri konscience kaj laŭ provita sperto, ke ĉio estas vanta kaj ŝajna en la vivo!... Mi vivis dum nekalkuleblaj tempoj sur la tero, multege ĝuis je amuziĝoj kaj plezuroj; mi preparis kiel miajn palacojn ĉiuspecajn kreskaĵojn; mi etendiĝis sur la plej belege veluraj litoj de rozkalikoj; mi militis kontraŭ la vermetoj kaj kovris min per gloro! Ĉiuj miaj deziroj estis kontentigataj, mi banis min en la amo, kiun la plej ĉarmegaj el vi al mi fidele atestis, mi travivis ĉiujn malfeliĉojn, dum mi vidis miajn samspeculojn ĵetitaj pomile en la eterneco tra polvo kaj vento, de ilia naskiĝo. Mi havis senliman povon, mi estris vin ĉiujn, kaj vi honorigis min kiel reĝinon!...

— Nu, miaj infanoj — mi ne kuraĝas tion esperi — sed, se kelkaj el vi postvivus la baldaŭ okazontan malfeliĉegon, ili pensu kiel mi; mi posedis ĉian teran potencon, mi ĝuis ĉian feliĉon sur la tero, kaj mi ekkrias, dum alproksimiĝas mia morta horo: Vantaĵo de la vantaĵoj!...

Dum ŝi, je la elparolo de tiuj lastaj vortoj, faris, per siaj antaŭaj piedetoj, malĝojan geston, ree fulmobrilo vidiĝis tra la juna somerverdaĵo, kaj forta tondrobato proksime aŭdiĝis.

— Ĉu vi aŭdas, nun daŭrigis ree la patrinmuŝo, ĉu vi aŭdas, miaj infanoj, jam efektiviĝas mia antaŭdiro! — Vidu kiel la homojinfanoj, kiuj ja tiom fanfaronas pri sia vivo, vidu kiel ili kaŝas sin! ili fermas siajn loĝejojn kaj ŝajnas timi ankoraŭ pli ol ni, ĉar ankaŭ ili, laŭ tio, kion mi vidis, estas ankoraŭ pli pekintaj ol ni pro vanteco!

La fulmobriloj reflektiĝis pli rapide tra la spaco, la tondrobatoj pli sinsekve aŭdiĝis kraketantaj super la kapoj, la blunigraj pluvnuboj interŝoviĝis, etendiĝis, kaj la muŝetoj sidis, pli mortaj ol vivaj, tremantaj sub la sunfloro. La densaj nuboj senŝarĝiĝis per forta pluvego; la pluvo forigis la sufokigan varmecon; la suno nun milde radiis de malantaŭ la senpeziĝintaj aernuboj; la naturo ree libere spiris. — Sed la antaŭdiro de la patrinmuŝo estis realiĝinta; la tondromuŝetoj estis mortintaj en la kaliko de la sunfloro.

El la Flandra lingvo trad.: *Eugenino Colijn.*

# Gyges kaj lia ringo

### de Friedrich Hebbel

Ni ĉi sube represas kelkajn versojn el la antaŭ nelonge aperinta traduko de tiu kvinakta tragedio, kiun lerte tradukis nia samideano *Paul Bennemann.* (Vidu pri tiu verko la recenzon en la rubriko „Tra la libraro".)

En la suba fragmento, Gyges rakontas al Kandaŭles, reĝo de Lidio, sian trovon de la magia ringo, kiu povas igi nevidebla sian posedanton.

Kandaŭles:

— — — — — — — — — —

*Sed ne ĝis nun mi aŭdis pri la ring'.*
*De kie vi akiris ĝin?*

Gyges:

*El tombo,*
*El tombo thessaluja.*

Kandaŭles:

*Ĉu vi rompis*
*Kaj malsanktigis tombon?*

Gyges:

*Tute ne*
*Mi trovis ĝin rompita kaj enrampis,*
*Por kaŝi min pro bando de rabistoj.*
*Multnombraj ili min persekutadis,*
*Min ĉasis, kiam antaŭ kelka tempo*
*Mi aventure vagis tra dezerta*
*Arbarmontaro. Renversitaj estis*
*La cindrokruĉoj, kaj iliaj pecoj*
*Ĥaose ĉirkaŭkuŝis. Palkolore*
*Radioj la vesperaj de la sun',*
*Trapenetrantaj de l' murar' la fendojn,*
*Al mi nubeton montris flugpendantan,*
*Nubeton de polveroj grizkoloraj.*
*Ĝi antaŭ mi leviĝis, lasta resto*
*De la mortintoj. Tiel min kortuŝis*
*Ĉi tio, ke, por miaspecan ion*
*Ne spiri, eble miajn patrojn, longe*
*La spiron mi retenis en la brust'.*

Kandaŭles:

*Kaj la rabistoj?*

Gyges:

*Ŝajne ili perdis*
*Postsignojn miajn; ĉar iliaj vokoj*
*Perdiĝis malproksimen. Jam savita*
*Mi kredis min, ne forlasante tamen*
*Krepuskan mian rifuĝejon. Kiam*
*Mi kaŭris tiel sur genuoj miaj,*
*Subite mi ekvidis tiun ringon.*
*Per sia ŝtono, kvazaŭ vivantaĵo,*
*Simila al serpentokulo akra,*
*Ĝi brilis kontraŭ mi el la ĥaoso.*
*Mi prenis ĝin, la cindron blovis for*
*De ĝi kaj diris: „Kiu iam portis*
*Vin sur la fingro longe cindriĝinta?"*
*Kaj por ekkoni, ĉu li estis viro,*
*Mi ŝovis prove sur la fingron ĝin.*

— — — — — — — — — —

*La ringo tiel restis mia.*

Kandaŭles:

*Vere,*
*Trezoro estas ĝi nekomparebla!*

Gyges:

*Jes, reĝa ring'. Akceptu tial ĝin!*

— — — — — — — — — —

Trad.: *Paul Bennemann.*

# *Al niaj abonantoj*

*La personoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, estas petataj sendi al ni la reabonpagon kiel eble plej baldaŭ por eviti ĉiun prokraston en la ekspedado de la gazeto.*

* * *

*Abonejoj por la landoj, de kie internaciaj poŝtmandatoj nun ne estas sendeblaj:*

*Aŭstrio:* D-ro Sós, Tuchlauben 18, Wien.

*Bohemio:* Administrejo de „La Progreso", Radynská 10, Plzeň.

*Hungario:* Librejo Kokai Lajos, Kamermeyer Karoly u., Budapest IV.

*Polio:* Adolf Oberrotman, Krak. Przedmiescie, Warszawa.

*(Abonprezo por tiuj landoj: 12 Kronoj. Luksa eldono: 14 Kronoj.)*

* * *

*Tiu ĉi numero aperas kun 20 paĝoj. Varbu novajn abonantojn, se vi deziras, ke ni realigu pluajn progresojn!*

# Novaj perspektivoj

III.

Parolinte pri la lingvo ni nun devas ektuŝi la ĉefproblemon pri ĝia estonta propagando kaj utiligo. En la dekjara aktiva periodo, kiu iras de la Bulonja Kongreso al la militkomenco, tre diversaj eksperimentoj estas faritaj. Iaj sukcesis, aliaj malsukcesis. Multaj entreprenoj kaj organizaĵoj estas kreitaj, sed nur kelkaj povis pretervivi la nuntempan mondkrizon. Ni nun havas aŭ almenaŭ devus havi sufiĉe da praktika sperto por eviti, ke la antaŭaj eraroj kaj mispaŝoj estu ripetataj. Ni suferis precipe de la senmetodeco en la agado, de netaŭga organizeco, samtempe komplika kaj malfirma, de la manko de sufiĉe klaraj kaj praktikaj ideoj pri la esenco de nia afero kaj ĝia kondukado. Ĉu ni povos nin korekti?

Ni scias, ke la eksteraj kondiĉoj, post la grandega militskuado, estas per si mem sufiĉe favoraj al nia agado. La eksterordinara momenta kunamasiĝo de diversnaciaj homoj, kiu de ĝi rezultis en vastaj regionoj de Europo, konvinkis pri la neceseco de lingvo internacia multajn homojn, kiuj apenaŭ suspektis la ekziston de la problemo, ĉar rilatante nur kun samnacianoj ili neniam estis grave ĝenitaj de la lingva baro. La horizonto de la homoj plivastiĝis. La publiko kutimiĝas atenti pri landoj kaj popoloj, kiujn ĝi antaŭe ignoris. Ŝajnas, ke Eŭropo fariĝis pli malgranda. Eĉ la kontinentoj alproksimiĝis. Sur la teron de malnova Eŭropo nia alveturis milope filoj de la plej foraj regionoj de Ameriko, Afriko, Azio, Oceanio. Nekredebla, neniam vidita svarmado de popoloj. Ĉu el ĝi ne devas fine naskiĝi pli da intereso pri la problemoj de la interpopola kunvivado, inter kiuj je la unua vico staras tiu pri komuna interkomprenilo?

Sed la plej grava fakto rezultanta de la mondmilito estas sendube la progreso, kiun faris la ideo pri interŝtata organizo, hieraŭ traktita kiel utopio, hodiaŭ serioze konsiderata kaj eble eĉ trotaksata. Embrio de Ligo de la Nacioj jam estas kreita, kaj oni devas esperi, ke tiu kreaĵo sukcesos potenciĝi, malgraŭ la rutinemo de la malnovmodaj ŝtatistoj kaj la egoismo de la superekscititaj naciaj pasioj. La reprosperiĝo de la mondo dependas de tio. Por ni, Esperantistoj, la fondo de tiu Ligo, eĉ en la tre neperfekta formo, kiun ĝi nun havas, estas atentinda. Ni ĉiuj bone scias, ke vivpova estos tiu Ligo nur se ĝi kunigas ne sole registarojn per juraj aranĝoj, sed ankaŭ kaj ĉefe popolojn per spirito de reciproka kompreno. Sen internacia neŭtrala lingvo, la popoloj restas plene fremdaj unu al la alia, eĉ se teorie kunigas ilin interŝtataj konvencioj. De la Ligo de la Nacioj la Esperantistoj esperas do, ke ĝi frue rekonos la necesecon de komuna interkomprenilo kaj fine akceptos Esperanton kiel oficialan lingvon, el kio logike sekvos ĝia enkonduko en la ĉiulandajn lernejojn.

Al tiu rezultaĵo oni kompreneble devas celi, sed oni ne devas iluzii pri la ebleco de rapida sukceso, kaj precipe oni ne devas forgesi la neprajn kondiĉojn por ĝin atingi.

La Ligo de la Nacioj estos tre verŝajne peza organismo, pure registara, ankoraŭ pli malfacile movebla, pli timema, pli „singardema" ol la unuopaj naciaj registaroj. Ne sufiĉas sendi petskribon kaj fari kelkajn klopodojn, por ke la gvidantaro de la Ligo, tuj konvinkita, akceptu Esperanton kiel oficialan lingvon. Bedaŭrinde la afero estas pli komplika.

Unue, oni ne devas forgesi, ke pro la specialaj kondiĉoj, en kiuj naskiĝas la Ligo, la partianoj de la Franca lingvo kaj tiuj de la Angla multe agitiĝas por ke unu el tiuj lingvoj estu elektata kiel oficiala. La Ligo verŝajne alprenos nek la unuan, nek la alian ekskluzive, sed eble ambaŭ. Ni tre bone scias, ke tio tute ne solvas la problemon pri praktikaj rilatoj inter ĉiuj popoloj, sed ĝi duonsolvas ĝin koncerne la interregistarajn rilatojn, kiuj ĉefe interesas la nunajn gvidantojn de la Ligo.

Ni tamen supozu, ke tiu unua, sufiĉe grava, malhelpo estas venkita kaj la, ankoraŭ kreota, supera aŭtoritato de la Ligo konvinkiĝis, ke nur neŭtrala lingvo povas servi kiel komuna interkomprenilo. Tiam ĝi elektos komisionon de „kompetentuloj", kiu devos zorge studi la problemon kaj proponi solvon. Estas memkompreneble, ke se tiu komisiono konsistas el saĝaj personoj, ĝi ne juĝos nur laŭ la pli aŭ malpli granda teoria perfekteco de la prezentataj sistemoj, sed ankaŭ laŭ ilia praktika disvastiĝo kaj uzateco. Pri la teoria perfekteco de lingvo internacia oni povas ja eterne diskutadi, ĉar fine ĉiu juĝo estas afero de persona plaĉo, de spirita inklino. Oni ne povas difini, en kio konsistas la teoria supereco de lingvo. Ĉu la Franca lingvo estas supera al la Angla? Ĉu la Germana al la Rusa? Neniu komisiono, eĉ konsistanta el superkompetentaj scienculoj, povus decidi pri tiu demando. Ĉiu lingvo havas ecojn, bonajn kaj malbonajn, sed ili ne estas mezureblaj. Tiel same rilate al artefaritaj lingvoj. Ni ja scias, ke Esperanto neniel cedas al aliaj sistemoj rilate facilecon, bonsonecon kaj uzeblecon, sed ni ankaŭ bone konscias, ke aliaj sistemoj, kreitaj aŭ kreotaj, povus prezenti similajn ecojn. Se la aludita komisiono devus elekti nur inter projektoj, ĝi kredeble diskutus longege kaj, kiel kutime okazas, aŭ decidus nenion aŭ aliĝus al hibrida kompromiso, kiu ne estus vivkapabla. Ni riskus esti ĉiuj mortintaj, antaŭ ol scii, kia estos la definitiva formo de la lingvo.

Sed, feliĉe, ekzistas grava elemento, kiu povas gvidi la komisionon kaj kvazaŭ trudi al ĝi solvon, nome la praktika disvastiĝo kaj uzateco de la lingvo. La ideo pri teoria perfekteco estas pure subjektiva; kontraŭe, la disvastiĝo de lingvo kaj ĝia praktika utileco estas io pozitiva, konkreta, objektiva, rekonebla de ĉiuj, preskaŭ mezurebla. Ne la teorie plej „perfekta" sistemo venkos — tiuj vortoj ne havas sencon — sed la plej vaste uzata, la plej multe spertita en la diversaj fakoj de la homa vivo, la plej komplete prilaborita, unuvorte la plej vivanta. La disvastiĝo de sistemo estas cetere la konkreta pruvo pri ĝia taŭgeco. Se al la enketa komisiono, ni ekzemple povas diri kaj pruvi: ekzistas tiom da Esperante redaktitaj gazetoj, ne sole propagandaj, sed ankaŭ fakaj kaj partiaj, abonitaj de tiom da personoj, tiom da libroj literaturaj, sciencaj kaj teknikaj estas eldonitaj, tiom da servoj komercaj, turismaj kaj aliaj jam estas faritaj per Esperanto, niaj organizaĵoj kalkulas tiom da membroj, nia lingvo jam estas uzita en tiu kaj tiu ĉi kongresoj, kiujn ĉeestis tiom da personoj, tiaj kaj aliaj praktikaj aplikoj jam estas sukcese realigitaj..., se ni tiel povas paroli, komisiono konsistanta el saĝe pensantaj homoj ne hezitos elekti Esperanton kaj subteni nian agadon per la potencaj rimedoj, kiujn ĝi disponos, ĉar ĝi komprenos, ke estus tute malsaĝe rekomenci jam faritan tre valoran laboron.

Ni do ne pensu, ke ĉar tia komisiono iam esploros la problemon, ni devas trankvile atendi ĝian verdikton; kontraŭe, ĝuste de nia agado dependas tiu verdikto. Ju pli forta estos la Esperantomovado, ju pli utila estos nia lingvo, des pli verŝajna kaj facila estos ĝia oficialiĝo.

Tio montras al ni la vojon sekvotan: Paralele kun la klopodoj, kiujn laŭ la cirkonstancoj ni povas fari ĉe la oficialaj rondoj por vigligi ilian atenton, ni devas energie labori por propagandi nian lingvon kaj plimultigi ĝiajn praktikajn aplikojn. Jen la kerno de la problemo. Klopodoj farataj en la nomo de movado, kiu ne havus jam profundajn radikojn en sufiĉe vasta homgrupo, estus senefikaj.

La milito ne detruis nian movadon, sed malfortigis ĝin. La plej urĝa tasko, kiun neniu oficiala klopodo povas anstataŭi, estas ĝin restarigi kaj rearanĝi laŭ la principo de maksimuma efikeco. Ni devas ĉion fari kvazaŭ la registaroj ne interesiĝus al ni; tio estas la plej bona rimedo por ke ili estu iam kun ni.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

# Inter ni

*Fama Franca lingvisto Meillet finas sian lastan verkon „Lingvoj en Eŭropo Nova“ konkludante, ke nepre ĝeneraliĝos la uzado de internacia lingvo per urĝe necesa decido de la registaroj. La vivo mem tion postulas. En rimarkinda ĉapitro li montras, kiel Esperanto fariĝis jam vivanta lingvo per multjara „funkciado“ kaj pro la prudenta rifuzado je reformoj ĝis oficiala akcepto.*

*Sur la kampo de faktoj la scienculo restas scienca, sed pri la estonto li sin demandas „ĉu la registaroj ne povos utile akcepti ankoraŭ pli perfektan sistemon kiel Idon aŭ eble alian pli bonan.“ En liaj revoj malaperas la scienca metodo. Kiu kompetentulo decidos pri perfekteco? Kiom da tempo ni devos atendi ĝis la elektita aŭ eĉ nove verkita sistemo estos sufiĉe elprovita per sperto kaj estos fariĝinta vere vivanta lingvo?*

*Kiu laboros por tio? Kiu blovos en ĝin entuziasmon kaj animon? Unu aferon la scienculo ne komprenis, ĉar li tiam forlasis la faktojn por teorio, t. e. la granda diferenco inter lingvo komune farita de kreskanta uzantaro, kiel Esperanto, kaj sistemo entute preparita antaŭe per teoriuloj, kiel Ido.*

*Ke* jorno *signifas tagon kaj* esar *esti, ne tio faras la vivan valoron de lingvo, sed kontraŭe la fakto, ke la plej granda nombro de la vortoj kaj esprimoj akceptiĝis per ĉiutaga uzado kaj vivbatalo, iom post iom kreante plenan lingvon el modesta bazo donita en „Unua Libro“.*

*Ke D-ro Zamenhof intence preferis resti nur iniciatinto anstataŭ kreinto, kiel li mem ofte skribis, tio pruvas kiom pli granda scienculo kaj geniulo li estis ol tiuj, kiuj naive kredas, ke la tuta mondo iam parolos precize tiel, kiel ili mem ordonis en siaj teoriaj verkoj.*

*Konata Franca verkisto literatura diris al mi lastan semajnon: „Idon kaj Esperanton mi lernis legi dum la milito. Ambaŭ estas tre facile kompreneblaj, sed en Esperanto mi sentas ion vibrantan, ion vivan, ion allogan al koro kaj spirito, dum Idon mi trovis seka, malvarma kaj enuige seninteresa.“*

*Tia konfeso montras, ke eĉ al neesperantistoj jam aperas tuj la diferenco. Plej utile estus, ke ni ĉiam insistu sur tiu ĉi punkto kiam ni propagandas. Kiam la registaroj devos alpreni lingvon internacian, ili ne povos riski novan aventuron; ili bezonos atingi rapidan rezultaton, kaj la tuta laborado de l' Esperantistaro dum tridek jaroj aperos al ili kiel neesperita trezoro tuj ebliganta praktikan uzadon.*

*Tiun trezoron ni devas nun valorigi antaŭ la mondo vundita.*

*Edmond Privat.*

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* — Esperanto; *Esp-isto* — Esperantisto; *L. I.* — lingvo internacia; *prez.* — prezidanto; *vicprez.* — vicprezidanto; *sekr.* — sekretario; *kas.* — kasisto; *rev.* — revizoro; *bibl.* — bibliotekisto; *l.* — lernanto; *m.* — membro; *p.* — persono.

## Aŭstrio.

*Innsbruck:* Okazas du kursoj sub la gvidado de D-ro Blaas kaj de S-ro Bederlonger; 50 p. — *Wien:* La societo Danubio havis sian unuan plenan kunsidon, en kiu Dir. Schamanek estis elektata kiel honora membro. S-ro Poffer komencos kurson en scienca societo. La amuza vespero bone sukcesis; ĉeestis pli ol 250 gastoj; paroladis prof. Otto Simon. La societo eldonis poŝtkartojn kun bildo de nia Majstro. Malfermiĝis Esp. Hejmo en la urba horloĝmuzeo.

## Belgio.

*Bruxelles:* La grupo „Antaŭen“ el St-Gilles reprenis la laboron. F-ino Jennen gvidas oficialan kurson en lernejo. S-ro Haine, Del., faris paroladon en la Popoldomo kaj nun gvidas kurson kun 22 p. — *Gand:* La grupo organizis tre sukcesan vesperfeston en la teatro; ĉeestis multnombra publiko kaj kelkaj urbaj eminentuloj. La profito de la festo, pli ol 1500 Fr., estis donacita por la invalidaj soldatoj. Novaj kursoj okazis. La militistaj aŭtoritatoj promesis aranĝi kursojn por oficiroj kaj soldatoj.

## Bohemio.

*Doubrovka n. Plzeň:* Laboristaj turistoj malfermis kurson kun 50 p. Instruas S-ro J. Pech. — *Doudlevce n. Plzeň:* Kurso gvidata de S-ro J. Pech kun 82 p. Oni uzis 300 Kr. por propagandiloj. — *Hradec Králové:* Sian postmilitan agadon la klubo komencis per propaganda parolado de S-ro R. Hromada. El la 35 partoprenintoj 20 aliĝis al kurso. Loka gazeto „Kraj Královéhradecký“ malfermis propagandan rubrikon. — *Pardubice:* La rondeto reviviĝis kaj kunvenas nun en la Industria Muzeo. En la legejo estas aranĝita kurso kun 30 p. S-roj D-ro Schulhof, prof. Pitlik kaj inĝ. Berger faris publikajn paroladojn pri la Esp. movado dum kaj post la milito. *Plzeň:* S-ro J. Pech faris sukcesan lumbildan paroladon antaŭ multaj ĉeestantoj.

## Britio.

*Bournville.* Sukcesa vesperfesto. — *Bristol:* La grupo aranĝis vesperfesteton. — *Burnley:* S-ro Parker paroladis pri Esp. kaj internaciismo. — *Dunfermline:* Kursoj okazas ĉe la vesperaj lernejoj. — *Isle of Man:* Dum tri jaroj de militkaptiteco per proksimume 20 kursoj entute 1100 personoj (Germanoj, Aŭstroj, Hungaroj, Poloj, Bulgaroj, Turkoj, Ĉeĥoj, Serboj, k. a.) lernis Esp. kun sukceso, 50 % el ili povas legi, skribi kaj kompreni la lingvon, 20 % ankaŭ interparoli en ĝi. — *Malta (St. Clements Camp):* S-ro Josef Guzy komencis sian kvaran kurson en la militkaptitejo. Li sukcesis aktiri por Esp. pli ol 100 p. — *Sheffield:* Parolado de D-ro J. Pollen.

## Finlando.

*Abo:* Kurso en geknaba lernejo. — *Hämeenlinna:* Fondiĝis societo „La Semo“. — *Laihia:* Bone vizitata kurso. La klubo havis sukcesintan vesperfeston kun ekspozicio. La multnombra publiko estis tre kontenta. — *Helsingfors:* Estas preparata por Pasko la Va kongreso de la Finaj Esp-istoj. Oni turnu sin al S-ino A. Sandström, Köpmansg. 11. Por la kongreso komercisto Lehtinen donacis 1000 Markojn. Novaj kursoj kun pli ol 90 p. estas gvidataj de prof. G. J. Ramstedt kaj Leo Jalava. — *Isokyrö:* Kurso estas gvidata. — *Tampere:* Kurso estas gvidata de pastro Pätiälä. — *Vaasa:* Kurso kun 40—50 p., instruas S-ro Helminen. — *Vähäkyrö:* La kurso estas vizitata de 55 p. — *Viborgo:* S-roj Salmi, Auer kaj Bergroth instruas Esp. en la nova geknaba lernejo.

## Francio.

*Beauvais:* Propagandaj artikoloj aperis en la regionaj gazetoj. — *Oran* (Alĝerio): S-ino Mantoz faris paroladon. — *Paris:* Esp. rubriko komenciĝis en la sindikatista jurnalo „La Bataille“; sub la aŭspicioj de tiu jurnalo baldaŭ malfermiĝos alia kurso ĉe la Laborborso. — *Perigueux:* Aktiva propagando en la laboristaj rondoj. — *Sens:* „Le Travailleur socialiste“ publikigas Esp. lecionojn.

## Germanio.

*Achim:* Post reveno de la membroj el la militejo, la grupo rekomencis sian laboron. — *Aue:* S-ro Büttner paroladis. Nova kurso komenciĝis kun 7 p. — *Augsburg:* Bela Esp. ekspozicio estis aranĝata en la plej granda vendejo. Oni presigis petskribon pri enkonduko de Esp. en la Interpopola Ligo. S-ro Vogt paroladis en la instituto por „Anglaj f-inoj“. Komenciĝis du bonvizitataj kursoj. La gazetoj ofte raportas pri Esp. — *Bamberg:* La movado reviviĝas. — *Breslau:* Nova kurso estas gvidata de S-ro Mielert en gimnazio.

*Charlottenburg:* La grupo rekomencis sian agadon. — *Chemnitz:* S-ro urbprof. Feder parolis pri la celo de la Esp. movado. Novaj kursoj estas aranĝataj — *Dresden:* La laboristaj Esp-istoj denove kunvenas. Kursoj estas aranĝataj de ili kaj de la grupo „Progreso". La grupo de UEA solenis la jubilean naskiĝtagon, 75-an, de S-ino Prof. Hankel per vesperfesto, kie ĉeestis 130 p. kaj reprezentantoj el preskaŭ ĉiuj grupoj. — *Eisenach:* S-ro W. Ranft gvidas kurson kun 30 p. — *Essen:* Fideluloj fondis konversacian klubon titolatan „Esp. Ora Rondeto" (Eoro), laŭ la modelo de la samnoma klubo en Köln. — *Horrem bei Köln:* La „Horremer Zeitung" enhavis diversajn artikolojn pri L. I. S-ro Jung fondis grupon kaj gvidas kurson; „Progreso", organo de la Rejnlanda-Vestfalia Ligo reaperas. — *Köln:* S-ro Wilbert faris paroladon kaj aranĝis kurson. — *Leipzig:* S-ino Franck faris tre interesan paroladon pri Dürer. Nova kurso komenciĝis. — *München:* D-ro Prölss paroladis. Oni decidis fondi unu grandan unuiĝon, kiu kunigas la ĝisnunajn grupojn. Kursoj estas aranĝitaj. — *Regensburg:* La grupo reviviĝis. S-ro Wilh. Meier gvidas privatan kurson kun 5 p. — *Siegburg:* La komerca privatlernejo L. Hermanns intencas enkonduki Esp.; instruos S-ro K. Haefeker. — *Stuttgart:* Unu el la Virtembergaj ministroj aliĝis al la grupo. Prof Christaller paroladis pri la Esp. movado dum la milito. Kvin novaj kursoj komenciĝis, i. a. unu ĉe la Bahai-grupo kun 25 p.

## Hungario.

*Arad:* S-ino Bignio gvidas kurson, ankaŭ Prof. Varga en la komerca akademio. — *Budapest:* S-ro Balkányi humore prelegis pri la plej novaj mondlingvoj, kaj S-ro Laquer pri la organismo de instruistoj, k. a. Du kursoj estas gvidataj. La Esp. Laborista Societo faras sukcesan propagandon. Estas aranĝitaj bonsukcesaj prelegoj en diversaj laboristaj societoj. S-ro Károly gvidas kurson en la societo de presistoj. Kursojn gvidas ankaŭ S-ro Kohn kaj Zsámboky, kaj S-ro Balkányi gvidas kurson por progresantoj. — *Csepel:* Kurso malfermiĝis. — *Diósgyörvasgyár:* S-ro L. Szabó gvidas kurson. Tian por gimnazianoj gvidas S-ro L. Zelenka. — *Füzesabony:* S-ro inĝ. Ernö Reinitz faris propagand-prelegon en la fervoja inĝenieroficejo antaŭ pli ol 50 p. Komenciĝis kurso kun 36 p. kaj fondiĝis grupo. — *Pécs:* S-ro A. Cseh fervore propagandas kaj gvidas kurson en la seminario. — *Szeged:* Dum la jarkunveno de la grupo „Frateco" D-ro A. Végh parolis pri devoj de Esp-istoj. S-ro P. Turzó paroladis antaŭ pli ol 200 p. pri la utileco de Esp. rilate la eksterlandan informadon. D-ro Végh gvidas kurson en la fervoja komerc-oficejo. En la fervoja diskont-oficejo oni malfermis 4 kursojn kun 122 p., gvidatajn de S-roj Végh, Schwalb, Turzó kaj Roboz. — *Vácz:* S-roj R. Bartal kaj L. Zsivánovits sukcese propagandas. Fondiĝis nova grupo „Torĉo". — *Vecsés:* S-ro L. Szilágyi faris paloladon en la kultursocieto. Post la parolado de S-ro S. Laquer fondiĝis nova grupo.

## Italio.

*Trieste:* La supera provinca tribunalo elektis prof. D. Cossaro kiel oficialan tradukiston por Esp. (el Itala kaj Germana lingvoj).

## Rusio.

Per samideano reveninta el Rusio, ni ekscias, ke malgraŭ la nefavoraj kondiĉoj, la Esp. societo en *Peterburgo* vigle laboras, kaj oni litografe presigis kelke da eldonaĵoj. En *Ĵitomir* (Volinio) estas aranĝitaj du kursoj sub la gvidado de S-ro Kaminski. En *Kiew* la grupo „Verda Stelo" vigle laboras.

## Svisio.

*Baden:* Nia samideano Egg klopodas fondi grupon en tiu kuracloko. — *Basel:* Dank' al klopodoj de D-ro Uhlmann, la movado ekvekiĝis. — *Bellinzona:* Fondiĝis nova grupo kun 21 m. — *Bern:* Dank' al la klopodoj de S-ro Bolliger, la grupo reviglиĝis. Dum la Kongreso por la Ligo de la Nacioj okazis kunveno prezidata de S-ro Stettler, ĉe kiu Esp. parolis D-ro Uhlmann, el Basel, S-roj Malın, el Germanio, Omlor, eksmilitkaptito en Francio, Boulogne, eksmilitkaptito en Germanio, Krestanov kaj Schmid. Okazis generala diskutado pri efika propagando. — *Locarno:* Oni malfermis Esp.-hejmon. En la urbteatro okazis luksa vesperfesto kun paroladoj de S-ro Prof. Pedroli, vicdir. de la Tiĉina instruistlernejo kaj de S-ro C. Gilà. La festo atingis grandan moralan kaj financan sukceson. La gazetaro tre favore raportis. Oni komencis novajn kursojn. — *Lugano:* „Corriere del Ticino" publikigis du longajn artikolojn pri la problemo de L. I. — *Rorschach:* Artikoloj kaj Esp. lecionoj aperas en „Ostschweizerisches Tagblatt". — *Zürich:* La societo „Veritas" alprenis la taskon propagandi L. I. Speciala grupo fondiĝis. La „Teknikista Societo" aranĝis paroladon kaj malfermos kurson.

## Maroko.

*Tanger:* En la „Revue Française de Tanger" aperis bona artikolo de nia Del., S-ro C. V. Richard.

## Siberio.

*Tomsk:* Estas organizita Centra Siberia Esp. Oficejo. — *Vladivostok:* Organiziĝas Orienta Esp. Oficejo. Nia lingvo konstante progresas.

## Aŭstralio.

*Sydney:* Tie ĉi okazos en septembro la III[a] Aŭstralia Esp. Kongreso, por kiu oni energie laboras. La Esp-istoj estas petataj sendi presaĵojn, manuskriptojn kaj ideojn pri Esp. Oni adresu: S-ro Leslie E. Pfahl, „Edna", Clissold Parade, Campsie, Sydney N S W.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj pacifistoj.** — Dum la Internacia Konferenco por la Ligo de la Nacioj, okazinta en Bern, oni sukcesis interesigi kelkajn gravajn delegitojn dank' al la klopodoj de S-roj D-ro Metzger, Stettler, Malın kaj Krestanov.

La jena teksto estis subskribita de 50 diverslandaj delegitoj:

„La subskribintaj delegitoj partoprenantaj en la konferenco por la Ligo de la Nacioj, opinias, ke la enkonduko de Esperanto kiel neŭtrala lingvo internacia estas unu el la plej gravaj kondiĉoj por la interkompreno de la popoloj kaj necesa bazo por la Ligo de la Nacioj.

„Ili do petas de la ĉiulandaj pacifistaj organizaĵoj, ke ili morale kaj materie subtenu la Esperanto-movadon organizante kursojn en tiuj societoj kaj uzante Esperanton kiel internacian interkomprenilon."

Inter la subskribintoj de tiu teksto ni rimarkas la nomojn de *Prof. D-ro W. Schücking,* de la Germana Ligo por Popolligo; *D-ro L. Nelson,* de la Internacia Ligo de la junuloj; *Hans Mühlestein,* de la Internacia Ligo de la junuloj; *D-ro R. Berger,* de la Germana Paca Societo; *S-ino D-ro H. Stocker,* de la Germana virina komitato por daŭra paco; *D-ro N. Einstein; D-ro R. Grelling,* el Germanio; *Prof. D-ro H. Lammasch, D-ro F. Hertz,* de la Aŭstria Ligo por Popolligo; *D-ro M. Metzger,* de la „Blanka Kruco", el Aŭstrio; verkisto *Andreas Latzko,* el Hungario; *F-ino E. Snowden,* de la Brita sendependa Laborpartio; *F-ino D. M. Roden Buxton,* de la Londona Societo de Amikoj, el Britio; *D-ro Hamsa,* el Egiptio; *Semir Chekib Arslan,* deputato ĉe la Turka Parlamento; deputato *D-ro A. Widmer;* deputato *O. Weber,* prezidanto de la Konferenco; *Prof. D-ro R. Broda,* de la Ligo por la homaraj interesoj; barono *Wrangel; D-ro M. de Rusiecka,* de la komitato por daŭra paco, el Svisio, k. a.

∴ **Esperanto kaj komerco.** — En *Svisio* fondiĝis, laŭ la ekzemplo de la Brita organizaĵo iniciatita de S-ro Marshall, Svisa asocio por la universala komerca lingvo, kiu celas propagandi Esp. ĉe la Svisaj komercistoj kaj utiligi Esp. por la profito de la Svisa ekonomia vivo. La honoraj prezidantoj estas S-ro Robert Comtesse, eksmembro de la federala registaro, direktoro de la Internacia Oficejo por la literaturo kaj arta propreco, kaj Prof. D-ro Auguste Forel. En la estraro estas i. a. S-roj Henri L. Etienne, vicdirektoro de la Oficejo por internaciaj transportoj, D-ro Alfred Frey, vicprezidanto de

la Svisa Industria kaj Komerca Societo, D-ro R. Lüdi, redaktoro de la Svisa depeŝagentejo. La prezidanto de la Societo estas S-ro J. Schmid, Steigerweg 26, Bern, kaj la sekretario S-ro D-ro H. J. Unger, Hauptpostfach 6104, Zürich.

En *Japanio* la komerca revuo „The World Salesman" (51, Yamashitacho, Yokohama), kiu jam multe helpis al nia lingvo, publikigas nun rubrikon en Esp. kaj Angla-Esperantan komercan frazaron.

# TRA LA GAZETARO

.˙. „*Amerika Esperantisto*" (decembro) donas tre detalan kaj interesan „Raporto Esperantisma" de G. W. Lee, kie estas pritraktataj en originala maniero: Esperantujo, studo, uzo, propagando, konduko, gramatiko, personoj, bibliografio, miksaĵo, bezono. La fervora raportanto ĉerpis la materialon ĉefe el la gazeto „Esperanto", jan.—aŭg. 1918.

.˙. „*Esperanta Finnlando*" anoncas la baldaŭan reorganizon de la Finaj Esperantistoj en ilia kvina kongreso, okazonta dum Pasko.

.˙. „*France-Esperanto*" (januaro-februaro) represas la tekstojn de la paroladoj de G-lo Sebert, de S-roj Eyquem, Systermans, Prof. Aymonier, S-ino Ferter-Cense ĉe la Pariza festkunveno aranĝita okaze de la datreveno de nia Majstro. El la parolado de Prof. Aymonier ni citas la karakterizan rakonton pri la kunveno en la Pariza Sorbono, kie Prezidanto Wilson ricevis la honoran doktorecon:

„Tre impona, grandioza estis tiu soleno. Tie kunsidis ĉiuj eminentuloj, plej famaj en la sciencoj, artoj kaj literaturo ... Kiam S-ro Wilson estis aŭdinta, ĉu oni devas diri ankaŭ „kompreninta" la parolojn francajn de la fakultatestroj, li ekstaris por respondi. Sammomente la tri mil ĉeestantoj stariĝis unumove por honori la Prezidanton kaj plej respekte, plej religie auskulti la atenditan parolon. Silento impresiga regis, kaj S-ro Wilson parolis — angle! Kiom malmultaj komprenis. Vane S-ro Wilson per la gesto, per la rigardo, per sia tuta korpo, por tiel diri, penis doni al la penso pli da klareco, pli da energio, penetrigi la konvinkon ... Ĉe la gravaj maljunuloj starantaj apud li, ho ve, laŭ la esprimo sensignifa de la vizaĝoj, laŭ la iafoja rideto ĝentila kaj banala, laŭ la kliniĝo mallerta de la kapo, antaŭ la parolanto oni tro vidis, ke preskaŭ neniu komprenis kaj tamen ŝajnigis, ke li komprenas aŭ ne konsentas konfesi, ke li ne komprenas ... Doloriga vidado kaj eĉ iom ridinda ..."

.˙. En „*Germana Esperantisto*" (marto) S-ro Maske publikigas tre interesan artikolon „Ĉu la Esperanto-gazetaro post la mondmilito saniĝos de sia antaŭmilita malsano?" Priplorante la mizeron de nia gazetaro, la aŭtoro rimarkigas, ke „post 32-jara Esperantista vivo la mondo postulos de ni rezultatojn nedubeblajn de vere kultura laboro ..." „Por Esp. gazetaro ankoraŭ pli multe ol antaŭ la milito malfermiĝas vasta kampo por boninflua agado, por forigado de naciaj antaŭjuĝoj, de fanfarona nacia memkonscio." „Por tio," daŭrigas nia samideano, „ne taŭgas multaj malgrandaj Esp. gazetetoj, sed nur malmultaj, seriozaj, sufiĉe ampleksaj jurnaloj, bazitaj sur internaciaj rilatoj." La aŭtoro vidas la organon vere internacian en „Esperanto" de UEA kaj konkludas, ke nian entuziasmon por „la kara lingvo" ni transformu en entuziasmon por „la kara celo".

.˙. „*Hungara Esperantisto*" (februaro) enhavas interesan artikolon de S-ro Wilhelm Kühne, kie li diras, ke malgraŭ ĉio „ni ne devas fordoni nin al senfina malespero. La matenruĝo de belega estonto por la homaro nepre eklumos. Esperanto estas tutkomunigebla, kaj ni Esperantistoj fine gajnos la rekompencon por nia pacienca eltenado per la konscio de l' venko de logiko kaj prudento."

Novaj gazetoj:

.˙. „*Esperanto-Praktiko*", informilo kaj perfektigilo por Espistoj Germanlingvaj. Aperas monate. Formato: 15 × 23 cm. 24 p. Eldonanto: Fr. Ellersieck, Wissmannstr. 46, Berlin S. 59. Abono: 5 M. jare, 2. 50 M. duonjare.

Forlasante la propagand- kaj organizaferojn al „Germana Esperantisto", tiu ĉi gazeto celas labori por la apliko de Esp. en la praktiko kaj por perfektigi la konon de nia lingvo ĉe Germanlingvanoj. Ĝi presigos ankaŭ literaturaĵojn originalajn kaj tradukojn nur el fremdaj lingvoj. En la 1a N-ro aperas i. a. bela originala unuakta humoraĵo de Fez „La Majstro venas!", el la tempo de l' preparoj por la Deka.

.˙. „*La Unuigita Tuthomaro*", unuiĝa organo de la Bahai aŭ „Homgefratoj". Aperas monate. Eldonanto: Pastro Heydorn, Hamburg 35. Formato: 18 × 24 cm. 24 p. Abono: 2. 50 M. kvaronjare.

La celo de tiu gazeto estas interkomprenigi, lumigi kaj unuigi la homaron, laŭ la principoj de la Bahai-instruo. Ĉiuj artikoloj estas en du lingvoj paralele: Germana kaj Esp., kaj mallonge pritraktas moralajn problemojn.

La stilo de tiu gazeto, kies celo estas cetere tre laŭdinda, ne estas senpeka; pliboniĝo estas dezirinda.

.˙. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Esperanto-Raporto*" de C. D. E. L. (febr.), „*Esperanto-Praktiko*" (marto), „*Hungara Revuo*" (febr.), „*Nederlanda Katoliko*" (jan.-febr.), „*Progreso*", organo de la Rejn-Vestfalia Esp. Unuiĝo (marto). *I. K.*

# TRA LA LIBRARO

**Gyges kaj lia ringo.** Tragedio kvinakta de *Friedrich Hebbel*, tradukita de *Paul Bennemann*. Eldonita de la loka ligo de Leipzigaj Esperantistoj. 12 × 18 cm. 152 p. Prezo: M. 2. 40 + 10 %.

Jen vera tragedio, laŭ la klasika skolo! Jen belege bindita kaj presita libro! Ĉiu poemtradukonto legos utile la parton de l' antaŭparolo titolitan: „Kelkaj notoj pri la Esperantigo de poeziaj verkoj, precipe versformaj." Kvazaŭ gajnita vetaĵo aperas la malfacila laboro de S-ro Bennemann. Pri lia celo kaj stilo, kelkaj frazoj elĉerpitaj el la antaŭparolo profite anstataŭos komentarion:

„En la tragedio „Gyges kaj lia ringo" Hebbel sukcesis rakonton preskaŭ krudan de Herodotos majstre transformi al klasika literatura verko plej impresa. Ĉi tiun dramon, kun kiu eble nur la „Ifigenio" de Goethe povas esti komparata, kelkaj kritikantoj eĉ rigardis kiel la plej eminentan el ĉiuj poeziaĵoj de Hebbel. Sendube estas, ke la „Gyges" pro siaj profundaj pensoj kaj altaj etikaj ideoj kaj pro sia lingva beleco apartenas al la plej gravaj kaj plej belaj verkoj de la mondliteraturo. — Estas strange, ke „Gyges kaj lia ringo" neniam ĝis nun estis tradukata. — Des pli mi deziris Esperantigi precipe tiun dramon; ĉar tiamaniere ĝi ja iĝas ĝuebla por ĉiuj nacioj samtempe. — Uzate por tradukoj de la plej bonaj literaturaj verkoj, uzate eble ankaŭ de vera poeto kiel senpera pensesprimilo, tiel ĝi (Esperanto) iĝas pli kaj pli riĉa, profunda kaj viva. — Al la negermanaj Esperantistoj mi volis unuafoje prezenti unu el la plej brilaj juveloj el la abunda trezorejo de mia patrolingva literaturo; al ili kaj al la Germanaj samideanoj, kiuj komparu kun la traduko la originalan tekston, mi volis enmanigi novan Esperantan verkon, por ke ili povu ekzameni la taŭgecon de nia lingvo por literaturaj celoj. — Espereble la legado de la Hebbela verko en la Esperanta formo faros servon al la legantoj, levante ilin dum kelkaj horoj sur la altaĵon de pura beleco."

Poezian verkon ĉiu ŝatas laŭ persona gusto; tial pri la taŭgeco de l' traduko mem oni bonvolu juĝi laŭ la citaĵo represita en alia parto de tiu ĉi numero.

S-ro Bennemann komparas la verkon de Hebbel kun tiu de Goethe. Unu vorto montros, kiom ŝatinda estas lia traduko: ankaŭ ĝi estas senriske komparebla kun la Zamenhofa Ifigenio. — *G. S.*

**Les langues dans l' Europe nouvelle** (*La lingvoj en nova Eŭropo*), de *A. Meillet*, profesoro en „Collège de France". Eldono: Payot & Kio., Parizo. 12 × 19 cm. 343 p. Prezo: 5 Fr.

Ĉi tiu libro estas atentinda por ĉiuj Esperantistoj; ili, pro siaj ideoj, ja interesiĝas pri lingvaj demandoj; ĝi certe estos legata de ĉiu Franclingva samideano.

S-ro Meillet estas unu el la plej famaj scienculoj, mondkonata lingvisto; la temo de lia nova verko trudis al li paroli pri la artefaritaj lingvoj, kaj lia opinio pri ili ĝenerale kaj pri Esperanto aparte estas valorega, ĉar skribita de tia spertulo, kaj samtempe ĉar verdikto de neesperantisto ne povas esti suspektata je partieco aŭ je troiga entuziasmo.

La rezonado de la aŭtoro eble estas pli kutima al la Esperantistoj ol al aliaj personoj; sed ĝi estas nova pruvo pri la neŝanceligeble firma bazo, sur kiu ni konstruas; ĝi utile propagandos nian ideon en kleraj rondoj.

La enhavo de l' libro estas duparta. La centra kaj pli ampleksa estas detala studo pri ĉiuj lingvoj nun uzataj en Eŭropo. La aŭtoro

ordigis ilin laŭ samdevenaj familioj; li klarigas la rilatojn inter lingvo kaj raso, inter lingvo kaj nacio, inter lingvo kaj civilizo; li diras kiel la lingvoj formiĝas, disvolviĝas, dispartiĝas je dialektoj; kiel ili fiksiĝis sub la influo de l' presarto; kiun rolon ludas la naciaj lingvoj. Neeble estas per mallonga resumo montri la sciencon, la riĉecon de tiuj ĉapitroj. En la unuaj kaj lastaj de l' verko estas ekzamenata la nuna lingva stato de Eŭropo kaj la rimedoj por ĝin plibonigi. Tie oni konscias, ke stranga estas la nuntempo, kiam civilizo fariĝas ĉiam pli komuna sama posedaĵo, dum la kulturlingvoj samtempe plimultiĝas. Ĝis nun sola rimedo estis lerno de unu aŭ pluraj gravaj lingvoj, kiel helplingvoj; sed tiu lernado postulas laboregon ĉiam pli neefektivigeblan kaj alportas profiton tre malgrandan. Tial artefarita lingvo estas nova riĉiĝo por la homaro; ĝi estos baldaŭ la oportuna facila perilo por ĉiuj internaciaj rilatoj.

Permesu amuzan konstaton. Mi antaŭ nelonge legis en Svisa pedagogia revuo recenzon pri la libro de S-ro Meillet. Ĉiuj aludoj al artefarita lingvo estas ignoritaj, kaj oni kredigas, ke ĝia ĉefa ideo estas: Ĉiu civilizulo devas perfekte scii la lingvojn Francan, Germanan kaj Anglan. Ĉu vi malpli miros eksciante, ke la skribinto de tiu stranga konkludo estas . . . profesoro de modernaj lingvoj? Ĉu eble, en nia lando, kie la instruado de l' lingvoj al en- kaj ellanduloj estas grava parto en la programo de l' duagradaj lernejoj, ofta malŝato al Esperanto ĉe la instruantaro estus ektimsento?

Aldoninde estas, por samideanoj, ke S-ro Meillet, kiu komprenēble ne spertis mem la superecon de l' diversaj uzitaj aŭ proponitaj lingvoj, kvazaŭ ne disigas Esperanton kaj Idon. En la unua li kritikas du aferojn: vortaron ne sufiĉe latinidan, konservon de la akuzativo. Pri la unua punkto, ni memoru, ke antaŭ kelkaj jaroj la malon oni riproĉis al Esperanto. Nedubeble la elekto de kelkaj Germanaj aŭ Slavaj radikoj estas certa supereco por Esperanto. Tiel ankaŭ tiuj popoloj retrovas ion konatan, sed precipe oni tiel povis eviti multe da dusencaĵoj. La ĉefa merito de l' Zamenhofa verko estas mirinda ekvilibro inter kontraŭaj postuloj. Maksimuma internacieco estas esenca principo, sed ankaŭ ne tute forlasinda estas tiu de l' forigo de l' plursencaj radikoj. Ekzemple S-ro Meillet malakceptas la vorton *hundo* pro ĝia nur Germana fonto; li elektus la pli internacian radikon *kano*. Sed ĉu tiu vorto ne estis pli utila por nomi kreskaĵon? Ĉu elektinte *jaro* aŭ *tago* prefere al *ano* (année) kaj *juro* (jour) oni ne taŭge ebligis la uzon de *an* kiel sufikso kaj tiun de *juro* kaj *juri* por la kunrilataj ideoj? Obeo al nura principo alportas nebonan rezulton. En tio la vorta demando similas la alfabetan; pri tiu lasta, longaj provoj ankaŭ montris, ke oni ne povas konservi fonetismon kaj samtempe ne kripligi la vortojn, krom per la solvo de l' supersignitaj literoj.

Pri la dua punkto, tute simila rezono povus esti farata; sed plie, praktiko jam longa pruvis nerefuteble, unue, ke okcidentuloj facile kaj baldaŭ instinkte uzas la akuzativan finiĝon, due, ke sen ĝi multaj tradukoj el diversaj lingvoj perdus ne nur sian fleksebl-econ, sed eĉ sian klarecon kaj kompreneblecon. Faktoj estas tie pli instruaj ol teoria dedukto.

Sed ĉi tio estas nur bagateloj; grava afero estas kontraŭe la forta konvinkiga faktaro kaj pensaro, per kiu S-ro Meillet pruvas la eblecon kaj la necesecon de internacia lingvo. Tia sincera aliĝo al nia ideo meritas nian dankemon.

En venonta numero de „Esperanto“ ni aldone publikigos tradukon de kelkaj paragrafoj el la libro de S-ro Meillet. — *G. S.*

**La Bulgara lando kaj popolo,** kun etnografia karto, de *Ivan H. Krestanov*. Bulgara Esperanto-Biblioteko, Serio II, N-ro 1. 13 × 20 cm. 128 p. Prezo: 4 Fr.

S-ro Krestanov estas tre konata en Esperantistaj rondoj kaj ankaŭ de la legantoj de „Esperanto“, por ke lia nova verko ne estu bonakceptata. Ĝi unuavide mirigas la leganton per sia amplekso kaj detalriĉeco. Ni jen havas plenan sciencan libron pri lando ankoraŭ ne sufiĉe konata en okcidenta Eŭropo. Tial diras la verkinto: „Mian laboron mi dediĉas al la Esperantista mondo, celante doni al ĝi pli detalan kaj klaran bildon pri mia patrolando, ne ofendante ies nacian memamon.“

Kompreneble S-ro Krestanov laŭdas sian landon. Kiu ja tion ne farus? Ĉu ĉiuj liaj diroj, precipe kiam li deziras komprenigi la kialon de l' regnaj decidoj en la nuntempaj aferoj, estos konfirmitaj en la estonteco? Ne estas ĉi tie taŭga loko, nek pasis sufiĉe da tempo por utile diskuti. Sed oni konstatos, ke lia verko tute ne estas propaganda, intence partia aŭ polemika; kontraŭe ĝi havas la ecojn de serioza scienca studo. Mi eĉ dubas, ĉu en ĉiuj gravaj lingvoj oni posedas en sola verko tian detalan priskribon pri Bulgario.

Geografia parto montras la naturajn belecojn de tiu lando. Legu la sekvantan paragrafon, stilekzemplon:

„Ĝi estas negranda lando, sed en ĝi estas grupigitaj la plej diversaj formoj de l' tera surfaco. Laŭvice kun la larĝa Danuba ebenaĵo, kiu kelkloke similas al ebena stepo, altiĝas arboriĉaj montoj, kies pintoj montras en Rila kaj Rodopimontaroj alpan karakteron. En la vastaj ĉirkaŭaĵoj, kie etendiĝas laŭlonge kaj laŭlarĝe grandaj montoj, estas profundiĝantaj belaj fruktoriĉaj kampoj. Ĉie la diverseco estas plej granda. La rondvidon de l' kampanoj baras majestaj montoj, kaj la montano vidas el la altaĵo de sia monto la ebenaĵon, en kiu luliĝas ludeme, kiel la marondoj, riĉaj tritikaj kaj rizaj semaĵoj.“

Multaj statistikaj ciferoj instruas pri la loĝantaro, la produktoj, la industrio kaj komerco de la lando. Rimarkindaj estas la rapida kresko de l' popolo, ĝia instruiĝemo, la ofta longo de l' vivdaŭro, la malofteco de la gefraŭloj.

Plena historio zorge pridiras la multokazan disvolviĝon de l' regno, kun alternaj periodoj de grandeco kaj de fremda tiraneco, kun ribeloj, militoj, regŝanĝoj, kulturprogresoj.

La plej agrabla parto estas priskribo de la popolaj karakteroj kaj moroj, en kiu la aŭtoro nin intimigas pri la apartecoj de siaj samlandanoj, pri ilia vivmaniero, ilia ekstrema amo al la grundo:

„Kun la tero, la bulgara vilaĝano ligis la liberecon kaj la vivon. Ankoraŭ hodiaŭ, kiam li vidas belan teron, li raviĝas, prenas manplenon da terajo, rigardas ĝin, ĝojas je ĝi, ŝajnas al li, ke li tenas la plej grandan perlon.“

Cetere ne nur la bonaj flankoj de l' Bulgara karaktero estas montrataj, sed ankaŭ la malbonaj. Kolekto da citaĵoj el diversaj aŭtoroj finas tiun ĉapitron. Poste estas studo riĉa je interesaj rimarkoj pri la lingvo kaj la literaturo, kun nomoj de l' Bulgaraj verkoj kaj verkistoj, kaj fine mallonga aldono pri la Esperantomovado en Bulgario. Al la verko estas aldonita bona etnografia karto de Bulgario; la propraj nomoj estas tradukitaj Esperante. Kredeble ĝi estas la unua geografia karto kun Esperantaj nomoj.

Oni legas en la antaŭparolo, ke la eldono estas oficiale monhelpita; tre bone; tio estas nova pruvo, kiom mezgrandaj popoloj, ankoraŭ pli ol grandaj, sentas la neceson de internacia lingvo; espereble, la multnombra aro de tiuj popoloj postulos ĝian uzon en la Societo de l' Nacioj!

Pro la nediskutebla valoro de sia verko, pro ĝia pleneco, ĝia korekteco, pro la grandega plenumita laboro, estu laŭte gratulata S-ro Krestanov. Dank' al li, en Esperantio, t. e. baldaŭ ĉie, ĉiu povos precize informiĝi pri Bulgara lando kaj popolo; nu, interkono estas fonto por interkompreno, por interestimo, por interunuiĝo, por interamikiĝo.

La traktita temo devigis al uzo de novaj specialaj vortoj kiel: *vojevodo, ekzarkio* kaj *ekzarko, patriarkio, vilajeto, janiĉaro, jatagano*, k. t. p. Inter du radikoj prave S-ro Krestanov elektas la pli simplan; ekz.: *federi, konkeri, beletristo*; la uzo de la prefikso *mis*, de kunmetaĵoj kiel: *agulo, siulo, junuli, plani, kalkumi, vindgamaŝoj*, tute ne malplaĉas; kontraŭe estas malagrable trovi proksimaj la tri radikojn: *eposo, epopeo* kaj *epika; bibliofileco, korifeo, frekvento, analfabetulo, konstitui*, eble ne estus nepre necesaj; mi preferus la epiteton: *„hindo-eŭropa“* al *„hindo-germana“*; *„riveli“* ĝis nun estis rezervata al fotografarto, kaj „la atakito estis forpuŝita“ (anst. atakinto), „la brutaro paŝtas“ (anst. paŝtas sin), eble estas nur preseraroj, cetere tre maloftaj. — *G. S.*

**Sanasto ja Selityskirja,** Esperanton Lukukirjaan., de *Vilho Setälä*. Eldonis: Akcia Societo Otava, Helsingfors, Finlando, 1917. 21 × 14 cm. 76 p. Prezo: 2.75 Finaj Markoj.

Estas bele presita vortaro Esperanta-Fina, je kies supozeble bona Fina teksto ni fidas la aŭtoron. La unua parto donas la vortojn necesajn por la 77 legaĵoj de la Legolibreto, 49 paĝoj estas dediĉataj al vortaro laŭalfabeta, kaj la fino enhavas gramatiketon. — *St.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k. a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperos dum 1919.)*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2.50 Fr. (Svisa valoro). — Subtenanta membro: 5 Fr. — Dumviva membro: 125 Fr. (kun senpaga ricevo de la gazeto „Esperanto", luksa eldono). — Esperantia Entrepreno: 12.50 Fr. (Esp. organizajoj nur 7.50 Fr. kun la gazeto).*

**Ŝanĝoj de la estraro kaj sidejo de UEA.** — La Komitato de UEA ricevis de la Direktoro la jenan leteron:

*Karaj samideanoj kaj kolegoj,*

*„Jam de multaj monatoj la stato de mia sano grave atakata ne plu permesas al mi loĝi en Ĝenevo kaj, ankaŭ en la estonta tempo, devigos min resti for de ĉi urbo. Dum la milito, tiel longe kiel la agado de UEA estis limigita al malmultaj laboroj, la konstanta ĉeesto de la Direktoro en la Centra Oficejo ne estis nepre necesa, sed nun, post la restarigo de la paco, gravaj taskoj sin trudas al la priatento de UEA kaj postulas, ke ĝia Oficejo, de kiu dependas ilia efektiviĝo, povu funkcii sub la regula kontrolo de aŭtoritata persono. Ne plu povante laŭregule plenumi la devojn de mia ofico, mi do petas, ke vi bonvolu akcepti mian eksiĝon el la posteno de Direktoro.*

*„Se dekjara sperto pri la gvidado de C. O. rajtigas min fari rekomendojn por la estonto, mi proponas, ke la posteno de Direktoro estu transdonata al nia ĝisnuna Vicdirektoro, S-ro Eduard Stettler, kiu dum kelkaj jaroj multe laboris por nia Asocio, precipe kiel prizorganto de la financa fako, kaj posedas ĉiujn kvalitojn por taŭge direkti ĝian oficejon en la postmilita periodo. Lia elekto necesigus la translokiĝon de la Oficejo al Berno, sed tiu urbo, nun tre kosmopolita kaj havanta multajn internaciajn oficejojn, estus por nia Asocio same favora sidloko kiel Ĝenevo. Miaflanke mi estas preta daŭrigi mian kunlaboradon al UEA en formo pli oportuna por miaj nunaj vivkondiĉoj, kaj, tiom kiom permesas mia sanstato, plue direkti la gazeton „Esperanto".*

*„Dankante tutkore pro la konfido al mi montrita dum tiu dekjara periodo kaj esperante, ke sub la nova gvidado UEA, post la mallumaj tagoj de la milito, fariĝos ĉiam pli forta kaj pli prospera, mi sendas al vi miajn samideanajn salutojn.*

*Leysin, 11 decembro 1918. Hector Hodler.*

Demandita per cirkulero dum monato decembro, la Komitato de UEA akceptis la jenajn decidojn, publikigotajn nur kiam la translokiĝo sube aludita estos ebla:

La Komitato de UEA, konsiderante ke:

la enspezoj de UEA ne ankoraŭ ebligas dungi pagatan direktoron de la Centra oficejo, kiel decus rilate al la multa laboro kaj la graveco de la asocio,

la ĝisnuna direktoro, S-ro H. Hodler, jam de kelkaj jaroj ne plu povas loĝi en Ĝenevo pro malsano,

la ĝisnuna Vicdirektoro, S-ro Ed. Stettler, loĝas en Berno kaj ne povas translokiĝi en Ĝenevon kiel li faris por UEA dum 1909—1911,

kaj konsiderante ke:

tiu kunlaboro el tri diversaj lokoj estas komplika, kaŭzas multan penon kaj tamen ne ebligas funkciadon de la Centra Oficejo same bonan kiel se la Direktoro kaj la oficistoj estus en la sama urbo,

okaze de la translokiĝo estos prudente fiksi la laŭleĝan situacion de UEA kiel jam estis proponite en la projekto de nova statuto de 1914, ne privoĉdonita pro la milito,

*decidas:*

*§ 1. La Centra Oficejo de UEA translokiĝas de Ĝenevo al Berno. Al la ĝisnuna statuto de 1910/12 estu aldonata § 2 b: „UEA deklaras sin korporacio kun celo ideala, ne mongajniga, konforme al § 60 de la Svisa civila kodo, kun sidejo kaj oficejo en Berno. Tiu oficejo (§ 39) estas oficiale nomata „Internacia Esperanto-Oficejo" (Bureau International de l' Esperanto, Internationales Esperanto Amt, k. t. p.). La Direktoro rajtas enregistrigi en Berno la asocion kaj oficejon."*

*La dua alineo de § 39 estas forstrekata.*

*§ 2. La Komitato akceptas kun granda bedaŭro la eksiĝon de S-ro Hector Hodler kiel Direktoro de UEA. Varme dankante al tiu kunfondinto de la Asocio, kiu dediĉis sian tutan energion kaj grandan scion al UEA, ĝi elektas lin membro de la Komitato.*

*§ 3. La Komitato, kiu depost la morto de sia Prezidanto kaj Vicprezidanto ne estis reorganizata, elektas inter siaj membroj, konforme al § 34, kiel novan Prezidanton de UEA S-ron Hector Hodler. La Vicprezidanto estos elektata pli malfrue.*

*§ 4. La Komitato dankas al S-ro Ed. Stettler, ĝisnuna Vicdirektoro, pro la multaj servoj faritaj, kaj elektas lin Direktoro de UEA. S-ro Stettler promesas dediĉi parton de sia tempo al tiu honora ofico. La ofico de Vicdirektoro restas provizore neokupata.*

*§ 5. Tiuj elektoj valoras, ĝis okazos la laŭregula balotado de la Komitato. Pri tiuj ŝanĝoj la Komitato konsideras sin kompetenta, ĉar ili estas necesaj por la bona funkciado de nia Asocio kaj ne povas esti prokrastataj ĝis la cirkonstancoj permesos la ĝeneralan voĉdonon de la Delegitoj.*

Sekve de la supra komitata decido, la nova Direktoro serĉis kaj sukcesis trovi en Berno novan oportunan oficejon por UEA kaj la gazeto „Esperanto". La translokiĝo okazos en la fino de monato aprilo. *Ni do petas, ke de la 1. majo niaj korespondantoj bonvolu sendi ĉiujn poŝtaĵojn kaj monsendojn por UEA kaj „Esperanto" al la nova adreso:* **Museumsstrasse 14, Bern.** (Telefono 57.90. Poŝtĉeka konto III. 2600. — Banko: Handelsbank [Banque Commerciale], Bern. — Por vizitantoj, rekta tramlinio N-ro 6, de la stacidomo al la transrivera kvartalo „Kirchenfeld", haltejo: Bubenbergstrasse.)

**Adresaro de la Delegitoj.** — Ni insiste petas ĉiujn Delegitojn, kiuj ne ankoraŭ faris tion, ke ili bonvolu resendi al ni kiel eble plej rapide la plenigitan demandaron por la pretigo de la venonta Adresaro. Ni rememorigas, ke ni presigos en la Adresaro nur la nomojn de la Delegitoj, kiuj estos respondintaj al nia cirkulero.

**Donacoj.** — Sumoj donace senditaj por la kaso de UEA:

J. Perriard (Cortaillod, Svisio) Fr. 6.25; F. Müller (Lyss, Svisio) Fr. 22.50; G. Douglas Buchanan (Glasgow) Fr. 5.45; E. Wilson (Grand'Mere, Kanado) Fr. 5.—.

Al ĉiuj donacintoj ni kore dankas.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 2625 |
| 22. Hugh Noel Nowell, The Vicarage, Northwich (Anglio) | 125 |
| Frankoj | 2750 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (Svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn

post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), (Nationalbank-konto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106).

**Kotizajoj por 1919.** — Je la 28 februaro estis enkasigitaj 964 kotizajoj (el kiuj 89 subtenantoj). Krom tio estas 170 dumvivaj membroj. Sume: 1134. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 17.

**Statistiko de la korespondajoj.** — Movado de la korespondajoj dum la monato februaro:

Ricevitaj: 739. Forsenditaj: 1611. — Tuta sumo: 2350. (Antaŭa monato: 1044.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizajon da 5 Frankoj.

*Tria listo:*

32. E. de Rákóczy (Kolozsvár, Hungario). — 33. J. Lundgren (Hedemora, Svedio). — 34. T. Wright (Worthing, Anglio). — 35. T. Gibson (Worthing, Anglio). — 36. J. Perriard (Cortaillod, Svisio). — 37. Th. Cart (Paris). — 38. E. Garcia (Madrid). — 39. N. Nilsson (Göteborg, Svedio). — 40. W. Padfield (Bath, Anglio). — 41. J. Whitaker (Bath, Anglio). — 42. A. Mazzolini (Perugia, Italio). — 43. W. Post (Los Gatos, Usono). — 44. F. Jamieson (Glasgow). — 45. S. Jamieson (Glasgow). — 46. B. Blöndal (Hvammstanga, Islando). — 47. K. Hiller (Bamberg, Germanio). — 48. H. Callagan (Bromborough, Anglio). — 49. F. Isella (Lugano, Svisio). — 50. R. Macfarlane (Port Glasgow, Skotlando). — 51. C. Goldsmith (Birmingham). — 52. F. Bierhoff (Holzwickede, Germanio). — 53. A. Omlor (Bern). — 54. A. Thomson (Bexley Heath, Anglio). — 55. F-ino E. Miles (London). — 56. H. Landert (Freienstein-Rorbas, Svisio). — 57. E. Ahlin (Hjo, Svedio). — 58. R. Castagnino (Siracusa, Italio). — 59. E. Torgny (Skara, Svedio). — 60. A. Nilsson (Skara, Svedio). — 61. G. Herrlin (Skara, Svedio). — 62. J. Silbernik (New York). — 63. F-ino F. Baker (Troy, Usono). — 64. A. Zednik (Opava, Bohemio). — 65. O. de Beus (Culemborg, Nederlando). — 66. A. Egg (Baden, Svisio). — 67. E. Mawbey (Johannesburg, Sud-Afriko). — 68. C. Gilà (Locarno, Svisio). — 69. S-ino M. Moscheles (London). — 70. J. Calvert (London). — 71. A. Allen (Leycett, Anglio). — 72. H. Ashworth (Liverpool). — 73. F-ino Z. Inman (Halstead, Anglio). — 74. F-ino J. Inman (Halstead). — 75. J. O'Dell (Hailsham, Anglio). — 76. M. Pearson (Sheffield). — 77. V. Lluis (S. Feliu de Guixols, Hispanio). — 78. C. Stockard (Atlanta, Usono). — 79. J. Mac Donald (Aberdeen, Skotlando). — 80. T. Iglesias (Santander, Hispanio). — 81. W. Nichols (Philadelphia). — 82. B. Arre (Linköping, Svedio). — 83. G. Lewis (Liverpool). — 84. J. Applebaum (Liverpool). — 85. S-ino E. Verrill (Rochester, Usono). — 86. H. Ujama (Buffalo, Usono). — 87. C. Jett (Buffalo, Usono).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj regionoj:

*Amherst* (Kanado, N. S.). — D.: S-ro Rev. R. E. Fairbairn, Victoria St.

*Baden* (Svisio, Aargau). — D.: S-ro Alfred Egg, komercisto, Gartenstr. 5, Wettingen.

*Bassein* (Indio, Burma). — D.: S-ro Rev. L. W. Cronkhite, Box 10.

*Battambang* (Kamboĝo, Indoĉinio). — D.: S-ro Lucien Mondésir, Direktoro de la Elektra Societo.

*Bexleyheath* (Anglio, Kent). — D.: S-ro A. V. Thomson, komizo, 40, Oaklands Rd.

*Eisenach* (Germanio, Thüringen). — D.: S-ro J. Zinganell, horloĝisto, Georgenstr. 6.

*Essen* (Germanio, Vestfalio). — D.: S-ro Eugen Klein, poŝtsekretario, Aldegreverstr. 19.

*Harnäs* (Svedio). — D.: S-ro Oscar Magnusson.

*Itma* (Kanado, Saskatchewan). — D.: S-ro H. Morton Rayner.

*Pardubice* (Bohemio). — D.: S-ro W. Poppe, Dir. de alkoholfabriko.

Ŝanĝoj:

*Orange* (Francio, Vaucluse). — D.: F-ino J. Maurin, 9, place du Cloître.

*Plzeň* (Bohemio). — D.: S-ro Rudolf Novak, inĝeniero, Šafaříkovy sady 8.

*San Francisco* (Usono, Kalifornio). — D.: S-ro A. S. Vinzent, The Bank of California, 400, California Street.

Adresŝanĝoj.

*Lyon* (Francio, Rhône). — D.: S-ro Louis Poncet, Esperanto-Oficejo, 36, rue Victor Hugo.

*München* (Germanio, Bavario). — D.: S-ro Hans Tressel, komercisto, Parkstr. 22, I. r. — VD.: S-ro Hans Koch, Ringseisstr. 8, II. l.

*Wiipuri = Viborg* (Finlando). — D.: S-ro Rudolf Bergroth, 11—19, Magnusstr.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj:

*Arcis s. Aube* (Francio); *Borbeck* (Germanio); *Bremen* (Germanio); *Burgstädt* (Germanio); *Châlons s. Saône* (Francio); *Cronenberg* (Germanio); *Fresnes* (Francio); *Gera* (Germanio); *Gotha* (Germanio); *Honnef* (Germanio); *Höxter* (Germanio); *Isola* (Istrio); *Kolberg* (Germanio); *Langebrück* (Germanio); *Ludwigslust* (Germanio); *Magyarovar* (Hungario); *Nograd-Verőce* (Hungario); *Oberpesterwitz* (Germanio); *Ober-Tunerwalde* (Germanio); *Rakosliget* (Hungario); *Siegburg* (Germanio); *St. Moritz* (Svisio); *St-Quentin* (Francio); *Trieste* (Ilirio); *Vitry s. Seine* (Francio); *Wechselburg* (Germanio); *Zittau* (Germanio).

# Esperantista Parolejo

## Enketo pri instruistinoj

Mi estis petata de la „Centra Landa Asocio de Ĉeĥaj Instruistinoj" prizorgi per la helpo de Esp. respondon je la subaj demandoj. Ĉar la citita Asocio iom mokis Esp., mi ŝatus montri al ĝi, ke la kono de nia lingvo vere faciligas la internaciajn rilatojn, kaj tial mi petas ĉiujn interesulojn respondi al mia enketo.

1e Ĉu estas permesite al la edziniĝintaj instruistinoj resti plue kiel aktiva membro de la geinstruistaro?

2e Ĉu la instruistino deponas iun kotizajon, por ke oni el ĝi kompensu la anstataŭanton dum la tempo de ŝia patrineco?

3e Kiom longan forpermeson ricevas la instruistino-patrino?

4e Ĉu la instruistinoj havas saman salajron kiel la instruistoj, aŭ je kiom ili ricevas pli malmulte?

5e Kia estas la laŭvorta enhavo de la lerneja leĝo, per kiu estis al ili permesite edziniĝi?

*Julie Šupichová,*
Malá Štěpánská 6n, *Praha II* (Bohemio).

## Vojaĝistoj kaj komercoficistoj

Ĉar la estraroj kaj granda parto de la membroj de la en nia lando ekzistantaj societoj nomataj „Nederlanda Vojaĝa Unuiĝo" kaj „Unuiĝo de la geoficistoj" komencas tre interesiĝi pri nia afero, estus utile, ke oni tuj skribu de ĉiuj flankoj instigajn leterojn al la redakcioj de tiuj societoj, por ke la legontoj ilin povu legi en la dusemajnaj societaj organoj kaj baldaŭ eklernu nian lingvon.

Se samcelaj societoj ekzistas en via lando, estus dezirinde, ke vi priskribu precize kiel funkcias la nomitaj societoj, ĉar vi tiel montrus la praktikan valoron de nia lingvo. La adresoj de tiuj du societoj, kiuj kalkulas respektive 17,000 kaj 8000 membrojn estas: „Nederlandsche Reisvereeniging, Den Haag" kaj „Handels en Kontoorbedienden Vereeniging Mercurius, Rotterdam".

*G. van Heek,* Del.,
Sleynstraat 72, *Hengelo* (Nederlando).

**Reĝustigu!**

Dum diskutado kun influa profesoro pri Esperanto, tiu sinjoro asertis, ke li estis sciiĝinta, ke dum la Esperanto-Kongreso en Barcelono, la Esp-istoj de diversaj nacioj ne povis kompreni unu la alian! Ĉar mi volas pruvi al tiu profesoro, ke oni informis lin malbone, mi petas afable al vizitintoj de tiu kongreso bonvoli per poŝtkarto informi min pri la vereco de tiu aserto.

*J. P. L. Niesten,*
St. Annastraat 135, *Nijmegen* (Nederlando).

# UEA en Rotterdam

Laŭ speciala aranĝo ni presigas ĉi sube la liston de niaj 50 membroj en Rotterdam. Oni plezure konstatos, kiel nia lingvo estas disvastigita ĝuste en la rondoj, kie la neceseco de helplingvo sin akre sentigas. Niaj membroj trapasintaj en Rotterdam spertis en la tramoj aŭ ĉe la stacioj, kiel agrable estas rilati Esperante kun la tieaj samideanoj, kaj tiuj renkontoj ofte estis la plej bonaj spertoj en la Esp. vivo de multaj samideanoj.

**Tramistoj:**
*P. H. Aussems*, Speelmandwarstr. 13 a. — *J. W. Bierens* (oficisto), Doedestr. 63 b. — *G. Buyk*, Bergstraat 56. — *A. A. van Ensbergen*, Adamshofstr. 172 b. — *Th. H. van Huessen* (ĉefo), Rozenburgstr. 14 a. — *M. J. Kolb*, van Heusdestr. 20. — *K. C. Ludikhuyzen*, v. Heusdestr. 38 a. — *H. B. Otterspoor*, Sofiakade 46. — *C. J. Spermon* (ĉefo), Oosteinde 85.

**Fervojistoj:**
*J. C. van Beek*, Anna Paulownastr. 12 a. — *C. P. Dykstra*, Oranjeboomstr. 220. — *W. Kok* (ĉefkond.), Gouvernestr. 2 a. — *H. Korbyn*, v. d. Schellingstr. 19 b. — *H. A. v. Leeuwen*, Zydewindenstr. 37 a. — *J. W. F. Poolen* (ŝarĝestro), Zwaanhals 212 b. — *H. Verschoof*, Nic. Zasstr. 25.

**Oficistoj:**
*Henk. Goemans* (bank), Jonkerfransstr. 87 a. — *A. Blok*, Roseveldstr. 113 a. — *C. v. Doorne*, de Vliegerstr. 28 b. — *W. J. v. d. Haak* (eksped), Zwart Janstr. 31. — *P. Hoogmoed*, Marinestr. 7 a. — *W. Lorié*, Bergsingel 198 a. — *F. M. Loeber*, Claes de Vrieselaan 120 b. — *W. Piena*, Bloemkwekerstr. 34. — *F. de Regt*, Hendrik Sorchstr. 30 a. — *F. Schneiders*, Noordmolenstr. 40. — *P. J. Swinkels*, Houttuin 27. — *L. Wit* (bank), Blommerdyksche laan 9 b.

**Komerco:**
*John Gabriels*, kand. dokt. en komercaj sciencoj, Diergaardelaan 64 b. — *C. de Groot*, farmaciisto, Goudschestr. 40. — *H. E. Himmelman* (fruktoj), Zanderstr., Velserood. — *F. Pakker* (cigaroj), Reederystr. 10. — *M. Pardoel* (likvoroj), Binnenweg 70 c. — *K. P. H. van Schwamen* (ŝuoj), Soetendaalsche weg 77. — *J. J. Zindel* (marmoro), Linkerrottekade 143 c.

**Arkitektoj:**
*D. Born*, Adrien Milderstr. 73 a. — *P. J. Vermaas*, Nieuwe Binnenweg 340 a.

**Diversaj Profesioj:**
*W. H. v. d. Berg*, priv., Amster. straatweg 12, Zuilen. — *J. van Boven*, ĉarpentisto, Volmarynstr. 152 b. — *N. Dane*, dompentristo, Rubensstr. 57 b. — *P. E. v. d. Ent*, tajlorino, Rozenburgstr. 14 a. — *I. Gazan*, studento, Claes de Vrieselaan 13 b. — *R. F. Groenendaal*, banejisto, v. d. Sluysstr. 93. — *W. de Jong*, korbteksisto, Nesserdyk 143 b. — *J. P. L. Niesten*, leŭt. kol., St. Annastr. 137, Nymegen. — *F-ino I. Penterman*, priv., Proveniersingel 9. — *J. H. A. Sens*, ferlutisto, Watergeusstr. 86. — *J. v. d. Velde*, instruisto, Rodenryssche str. 25 b. — *J. de Waegenaere*, aktoro, Teylingestr. 78 b. — *M. J. Wessel*, desegna prof., Croosw. singel 31.

# Esperantista Vivo

**Datreveno.** — Je la 30 januaro nia eminenta samideano *Generalo Sebert* atingis sian okdekan jaron. Ni sendas al nia aĝe maljuna, sed spirite ĉiam juna kunbatalanto niajn korajn gratulojn kaj bondezirojn. Li vivu ankoraŭ multajn jarojn por la bono de nia movado!

Okaze de tiu datreveno intima kunveno estis aranĝata ĉe la Pariza Centra Oficejo, kie estis reprezentataj la diversaj Parizaj Esp. organizajoj. Prof. Decourt rememorigis per trafaj vortoj la longan kaj fruktodonan karieron de Generalo Sebert. S-ino de Menil tiam prezentis al la okdekjarulo bronzan basreliefon, titolitan „La Penso", en la nomo de la Esp-istoj. Prof. Aymonier elokvente esprimis la danksentojn de la Esp-istoj pro la senlaca laborado de la generalo, S-ro Camescasse parolis en la nomo de UEA kaj de la Esp. sekcio de la socialista partio; fine, oni legis gratulan leteron de S-ro J. M. Warden, prez. de B. E. A. Generalo Sebert tre kortuŝita dankis la ĉeestantojn kaj promesis daŭran apogon al nia afero

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Otto Sklenčka*, Del. en Hradec Králové (Bohemio), kun F-ino *Božka Dolanská*.

**Edziĝo.** — S-ro *John Pryor*, Del. en Eastbourne (Anglio), kun F-ino *Gabrielle Herickx*, Esp-ino el Antwerpen (Belgio).

* * *

Ĉu ni devos enkonduki rubrikon pri *reviviĝoj?* El la gazeto „Voĉo Esperantista" publikigita en Krakow, ni ekscias, ke nia estimata Pola samideano **Adam Zakrjewski**, la aŭtoro de la konata „Historio de Esperanto", kies morton ni post kelkaj Esp. gazetoj anoncis en „Esperanto", julio 1918, feliĉe vivas ankoraŭ — pri kio ĝojos ĉiuj samideanoj. Ni esperas, ke tiun ĉi fojon la informo estas ĝusta, kaj ke ni ricevos multajn similajn. En la komenco de la milito, la sama aventuro okazis al Prof. D-ro Bujwid el Krakovo.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Joaquin Aguló**, honora prez. de la Esp. Klubo en Palma (Hispanio), kiun li en multaj okazoj malavare helpis per donacoj; entuziasma pioniro de nia lingvo.

**Georges Carreiron**, el Parizo, mortis nur 23-jara post kelkaj tagoj de teruraj suferoj sekve de militvundo.

**Sinjorino Mary Caumont**, el Lausanne (Svisio), edzino de nia fervora samideano kaj kunlaboranto Armand Caumont.

**Camille Chaigneau**, el Parizo, tre fervora Esp-isto kaj propagandisto. S-ro Chaigneau estis poeto, prikantinto de la kvartalo Montmartre, kie li longe vivis. Li estis apostolo de la filozofio pri senmorteco kaj aperigis multajn broŝurojn kun spiritista tendenco. Kun S-ro Boirac li estis fondinta la societon de Esp. psikistoj. Ĉiuj Parizaj Esp-istoj memoros pri tiu simpatia kaj vigla grizharulo.

**Jaime Fé**, membro de UEA en Palma (Hispanio).

**Maurice Flavigny**, membro de la grupo en Le Havre (Francio), mortigita en la lastaj tagoj de la milito.

**Cyrille Mullié**, Belga samideano, fervora propagandisto, amiko de nia bedaŭrata samideano Schriewer, kun kiu li revenis el Pekin. S-ro Mullié estis mortigita de kuglo la antaŭtagon de la militĉeso.

**Sinjorino Adèle Mustonen**, unu el la fondintinoj kaj plej fidelaj membroj de la „Polusstelo" en Helsingfors (Finlando).

**Anton Neitzel**, fervora membro de la Esp. grupo en Hannover (Germanio).

**Darvin Pono**, membro de UEA en Palma.

**Sinjorino Sergent,** maljuna sed vigla Pariza samideanino, kiu ĉeestis preskaŭ ĉiujn kongresojn. Malgraŭ sia 78a jaro, ŝi regule vizitis la Esp. Parizajn kunvenojn dum la milito, kaj ofte la unua ŝi protestis kontraŭ la pli junaj, kiuj diris, ke oni povas fari nenion dum la milito.

**Eduard Szymanowski,** Del. en Bromberg (Germanio), fervora membro de nia Asocio, vigla kaj talenta propagandisto, kiu multe helpis al nia lingvo, ankaŭ dum la milito, mortis en batalo ĉe la Pola landlimo.

**Marius Trouilloud,** Del. en Voiron (Isère, Francio), malnova kaj sindonema samideano, mortis de la gripo en fronta hospitalo.

**Ernst Ulitzsch,** Del. de UEA en Gera (Germanio), fidela membro de ĝia fondiĝo, li kiel instruisto multe klopodis por nia afero. Konvinkita Esperantisto li estis profunde ĉagrenita de la milito.

# Lingvaj Studoj

## Pri neŭtra adjektivo substantivigita

La neŭtran adjektivon substantivigitan en Esperanto oni esprimas trioble:

1e per simpla almeto de la finiĝo *o* al la adjektivradiko, ekz. *bono, belo, jeno*;

2e lasante la adjektivfiniĝon *a* kaj konkludante el la kunteksto la sencon neŭtran, ekz.: Kiu fremdan avidas, propran forperdas; de majesta ĝis ridinda estas nur unu paŝo; al ĉiu la lian;

3e uzante ankaŭ la sufikson ajo, ekz. anstataŭ *io bona*, oni diras ankaŭ *bonaĵo*.

Ne estas dubo, ke tiu ĉi triobla esprimmaniero prezentas malfacilaĵojn precipe al la komencanto. Certe estus tre agrable, se oni povus tie ĉi simpligi. Tion provis lastatempe S-ro de Saussure, proponinte la enkondukon de nova artikolo *lo* nur aplikota por esprimi la neŭtran adjektivon substantivigitan, ekz. *lo bona* (A. *the good*, F. *le bien*, G. *das Gute*). Ni en Esperanto ja povis solvi jam ĝis nun tiujn ĉi gramatikajn malfacilaĵojn en sufiĉa kaj komprenebla maniero. Sed se oni pripensados, la deziro de simpligo altrudiĝos. S-ro de Saussure ankaŭ okaze por klarigi uzis inter krampoj la formon *l'o*, sed decidiĝas praktike por la formo *lo* sen apostrofo. Tiel li volas enkonduki novan artikolon *lo*. Jen propono senkondiĉe malakceptota, ĉar kontraŭfundamenta. La paragrafo unua de la fundamenta gramatiko diras: „Artikolo nedifinita ne ekzistas; ekzistas nur artikolo difinita (la), egala por ĉiuj seksoj, kazoj kaj nombroj", kaj pri tio oni ne rajtas ŝanĝi ion.

La solvo de S-ro de Saussure tute ne estas nova, sed troviĝas jam en la malnova Esperanta literaturo kaj nur estas forgesita; ekz. en „Kondukanto de l' interparolado kaj korespondado" de A. Grabowski (dua eldono), paĝ. 99, linio 10a de malsupre, en la novelo „La nova jaro" de Prus (tradukita de Grabowski) oni trovas „ . . . la ideojn de *l'o* vera, bela kaj bona". Aprobita de D-ro Zamenhof staras super la titolo de la libro. Jen la plej simpla solvo de la tuta problemo. La verkinto uzis radikale la regulon 11an de la fundamenta gramatiko, ke ankaŭ la gramatikaj finiĝoj estas rigardataj kiel memstaraj vortoj. La substantiva finiĝo *o* estas uzata en la tute ĝenerala senco: kio estas (laŭ Zamenhof), ankoraŭ pli ĝenerala ol aĵo. La substantiva finiĝo *o* estas tie ĉi aplikata kiel memstara vorto. Oni povus ja pro oportuneco apostrofi la artikolon antaŭ o konforme al la fundamenta regulo 16a; tiam ni ricevas: *la o* aŭ *l' o bona* (G. *das Gute*, F. *le bien*), *o bona* (G. ein Gutes, F. un bien): oni povas formi ankaŭ la akuzativon: *la on* aŭ *l' on bonan*, *on bonan*.

Do la supre donitaj ekzemploj nun fariĝas:

1e l' o bona, l' o bela, jen-o;

2e Kiu on fremdan avidas, propran forperdas. De o majesta ĝis ridinda estas nur unu paŝo. Al ĉiu la li-on;

3e lo bona (restas ne ŝanĝita; anstataŭ tio oni povas ankaŭ diri: bonaĵo).

Por kompreni la necesan regulon oni devas ankoraŭ diri jenon. En „Universala Vortaro" troviĝas du specoj de radikoj. Iuj devas ĉiam havi finiĝon substantivan, adjektivan, adverban aŭ verban, kaj sen finiĝo ne estas uzataj; la aliaj ankaŭ sen finiĝoj estas aplikataj kiel memstaraj vortoj. Ekz. *mort'* ne troviĝas en la lingvo kiel memstara vorto, sed havas ĉiam finiĝon: morti, morta, morto k. t. p.: kontraŭe *jen, li, mi*, k. t. p. povas esti aplikataj kiel memstaraj vorto sen finiĝoj. Mi nomas la unuajn finiĝaj radikoj, la aliajn liberaj radikoj.

Mi do ricevas la sekvantan regulon:

„Por formi la neŭtran adjektivon substantivigatan, servas la substantiva finiĝo *o* uzata kiel memstara vorto kun la signifo: kio estas. Tiu ĉi o povas esti uzata kun aŭ sen la artikolo, kiu estas apostrofata. La pozicio de *o* estas antaŭ la finiĝaj radikoj kaj malantaŭ la liberaj radikoj."

La ĝisnuna uzado en Esperanto havas la jenan nelogikaĵon, ke por formi substantivon derivitan de adjektiva ideo oni ne aplikis ĉiam la substantivfiniĝon *o*, sed ofte konservis la adjektivfiniĝon *a*, kaj nur el la kunteksto rekonis la substantivan sencon. Laŭ S-ro de Saussure oni povas ankoraŭ plilarĝigi tiun ĉi regulon, transigante ĝin sur la substantivigitan infinitivon: *l' o nutri* (G. das Nähren, A. the nourishing); kaj tiam oni povas efektive rezervi la sufikson *ad* kun la signifo de la daŭro por la okazo, kiam temas vere pri daŭro; ĝis nun ni estas devigataj uzi „la nutrado" en la senco de: „Das Nähren" ankaŭ sen la signifo de la daŭro.

*D-ro med. Wilhelm Winsch.*

* * *

Pri la sama temo ni ricevis la jenan leteron, kiun ni ne povis enpresi pli frue pro manko de loko:

„Okaze de la recenzo, kiun vi dediĉis al la broŝuro „Unuiĝo de Internaciaj Asocioj", (N-ro sept-okt.), vi faris kelkajn rimarkojn prilingvajn. Tiujn mi deziras mallonge komentarii:

„Vi proponas, ke la formoj *beleco, utileco*, estu uzataj por esprimi la kvaliton (F. *beauté, utilité*), dum *belo, utilo* tradukus la abstrakton (F. *le beau, l'utile.*) Bone. Tamen vi konstatu, ke tiu sistemo estas aplikebla ne ĝenerale, sed nur al *primitivaj* adjektivoj. Por adjektivoj *derivitaj* ĝi ne taŭgas.

„Efektive kompletaj estas la serioj por primitivaj adjektivoj:

Adjektivo (F. utile) = *utila*.
Abstrakto (F. l'utile) = *la utilo*.
Kvalito (F. utilité) = *la utileco*.

„Oni apliku nun vian metodon al adjektivoj *derivitaj*, jen la rezulto:

Adjektivo (F. humain) = *homa*.
Abstrakto (F. l'humain) = ?
Kvalito (F. l'humanité) = *la homeco*.

„Uzante la proponitan esprimon *l'o*, oni kontraŭe havos sistemon ĝenerale aplikeblan, tute konsekvencan, kaj kompletan:

Adjektivo: (primitiva), *bela, utila*.
Abstrakto: *l'o bela, l'o utila*.
Kvalito: *la belo, la utilo*.

Same:

adjektivo: (derivita) = *homa*.
abstrakto = *l'o homa*.
kvalito = *la homeco*.

„Oni cetere ne forgesu: 1e, ke la nova esprimo proponita *l'o* estas tute regule formita kaj laŭfundamenta, ĉar en Esperanto „radikoj, afiksoj, eĉ finaĵoj estas memstaraj vortoj" (Gramatiko Fundamenta, reg. 11a); 2e, ke jam ĝin proponis Grabowski, kaj aprobis Zamenhof mem; 3e, ke tiaj distingoj, kiajn uzas la *„Teknika Revuo"* neniel tuŝas la popolan lingvon, sed koncernas la kleran

lingvon uzotan nur *skribe* de la teknikistoj. Tute kompreneble estas, ke la fako filozofia bezonas esprimojn diferencigajn, kiujn ne bezonas la komuna, ĉiutaga lingvo.“ *R. de S.*

* * *

Responde al la supra letero ni rimarkigas, ke sen bezono de la formo *l'o* aŭ *lo* oni povus havi kompletan serion eĉ ĉe la derivitaj adjektivoj aldonante *o* al la adjektiva finaĵo:

Adjektivo (F. humain) = *homa*.
Abstrakto (F. l'humain) = *la homao*.
Kvalita (F. l'humanité) = *la homeco*.

Ni tamen konfesas, ke la uzo de *l'o* (kiun oni pli simple povus skribi *lo*) estas pli oportuna kaj pli konforma al la kutimoj ekzistantaj en la naciaj lingvoj, kiuj substantivigas la adjektivojn antaŭmetante artikolon. Sed eĉ se oni akceptas *lo*, oni devas uzi la sufikson *-ec* por montri la kvaliton ankaŭ ĉe la primitivaj adjektivoj, ĉar *lo utila* estas egala al *la utilo*.[1]

Laŭ tio oni havus la jenajn seriojn:

| | | |
|---|---|---|
| Adjektivo | *utila* | *homa*. |
| Abstrakto | *lo utila* (= *la utilo*) | *lo homa* (= *la homao*). |
| Kvalito | *la utileco* | *la homeco*. |

Krom tio la formo *lo* povus esti utile uzata kiel mallongigo de *tio, kio* kaj estus aparte oportuna antaŭ participoj. Pro tio pli ol pro sia utileco por nomi abstrakton, ĝi ŝajnas al ni provinda en tekstoj. Ekz.: Lo rakontita de li ne plaĉis al mi (= tio, kion li rakontis ... aŭ tio kio estis rakontita de li ...). — Lo farata de li ne estas aprobinda (= tio, kion li faras ...). — Lo havata estas pli bona ol lo havota. — Lo neniam pereonta. — Lo jam sentita. — Lo ĝis nun farita.

[1] Oni permesu al ni aldoni, ke la regulo, adoptita de S-ro de Saussure kaj' post li, de kelkaj Esp-istoj, forigi la sufikson *-ec* post adjektivaj radikoj (*bono* anst. *boneco*, *riĉo* anst. *riĉeco*, k. t. p.) ŝajnas al ni peki kontraŭ la lingva instinkto. En ĉiuj lingvoj oni montras la kvaliton per speciala sufikso, kiun oni aldonas al la adjektivo, primitiva aŭ derivita. En nia lingvo oni tendencas same agi kaj aldoni *-ec* al ambaŭspecaj adjektivoj — kio estas pli simetria kaj sekve pli simpla.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enpreso: Fr. —.50. — Tri enpresoj: Fr. 1.25. — Dek-du enpresoj: Fr. 4.50.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero*. PK = ***poŝtkarto***. PI = ***poŝtkartoj ilustritaj***. PM = ***poŝtmarkoj***. bfl = ***poŝtmarko sur bildflanko***.

**Åbo** (Finlando). — S-ro E. F. Kuusinen, 4, Uudenmaankatu, PM.

**Amsterdam** (Nederlando). — S-ro E. de Wolf Jr, 2e Vencheniusstraat 7 (speciale kun Ĉinio, Japanio kaj Hindio).

**Amsterdam** (Nederlando). — S-ro H. de Wolf, 2e Vencheniusstraat 7 (kun ĉiuj alilandanoj).

**Arad** (Hungario). — S-ro Tivadar Bela, Hauptpost, PI, L (pri seriozaj aferoj).

**Arlöv** (Svedio). — S-ro Erik Ohlsson, blindulo, Strandgatan 3 c (kun geblinduloj en ĉiuj landoj).

**Arlöv** (Svedio). — S-ro Harald Ohlsson, Sjösol, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Budapest** (Hungario). — S-ro Miĥael Vági, IX, Tüzoltó utcza 15 sz. 5 ajtó, PI, L (kun ĉiuj landoj).

**Cancon** (Francio, Lot-et-Garonne). — F-ino Denise Marey, PI, L.

**Doubravka n. Plzeň** (Bohemio). — Membroj de Turista Asocio. J. Monhart, 104, Doubrovka. PK (kun samideanoj el la tuta mondo).

**Fredriksstad** (Norvegio). — S-ro Sig Hole, L, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Genève** (Svisio). — S-ro G. Olié, inĝeniero, 37, Bd. Georges Favon, L, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Hannover-Linden** (Germanio). — Germ. Esp. Laboristoj dez. tujan interkomunikon kun ĉiulandaj gekamaradoj. Adr.: Al. Schimek, Menzelstr. 26.

**Hjo** (Svedio). — S-ro Hjari Bergstrand, Borrbäck, PI (kun ĉiuj landoj).

**Hjo** (Svedio). — S-ro Nils Andersson, Fridhem, PI (kun ĉiuj landoj).

**Huy** (Belgio). — S-ro Fernand La Gravière, 29, rue des Bons Enfants (antaŭe Barako 17, Harderwijk), PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Lahti** (Finlando). — S-ro H. L. Nieminen, Del. UEA, horloĝisto, L (kun horloĝistoj).

**Lerida** (Hispanio, Katalunio). — S-ro J. Marti-Marti, 13, Carmen, 1o Tarrega, PI.

**Letchworth** (Anglio). — Grupo Esperantista aranĝas poŝtkartkaj letervesperon en aprilo. Oni sendu L kaj PI al sekretario: F-ino F. M. Bartholomew, 15, Norton Way N.

**Loanda** (Angola, Portugala Okcidenta Afriko). — La Loanda Esp. Grupo, Caixa Postal 213, dez. korespondantojn en ĉiuj landoj.

**Lyss** (Svisio). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekstereŭropanoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro F. Müller, apotekisto, PM (deziras ankaŭ PM de la milito sur kovertoj kaj poŝtkartoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro Christ. Burkhalter, PM (kun ĉiuj landoj).

**Malmö** (Svedio). — Klubo Esperantista de Malmö. Adreso: Erik Andersson, Rörsjögatan 16, PI (kun ĉiuj landoj).

**Malmö** (Svedio). — S-ro Erik Andersson, Rörsjögatan 16, PI, bfl, PM kaj akvarelkartoj (kun ĉiuj landoj krom Nederlando).

**Malmö** (Svedio). — S-ro Ernst Andersson, Hasselgatan 15, PI (kun ĉiuj landoj).

**Malmö** (Svedio). — S-ro C. O. Östling, Fredsgatan 27 B, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Malmö** (Svedio). — F-ino Augusta Mahlin, Läderfabriken, L, PK, PI, bfl, Esperante, Angle, Germane (kun ĉiulandaj gesamideanoj, sed prefere ekstereŭropanoj).

**New York City** (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2633, Creston Avenue, Fordham, nur L (kun radikalaj social-demokratoj ĉie pri efektivigo de la „internacio“ kaj kontraŭ religio).

**Örnskoldvik** (Svedio). — S-ro P. L. Lundekvist Haga, PI.

**Plzeň** (Bohemio). — Pli ol cent junuloj de Turista Asocio dez. korespondi kun fremduloj, kiuj interesiĝas pri Ĉeĥoslovakio. J. Pech, Houšková 4.

**Plzeň** (Bohemio). — F-ino M. Pechová, Houšková 4, L (kun gestudentoj).

**Praha** (Bohemio). — S-ro Rud. Hromada, oficisto, Sochařská 333, salutas siajn korespondantojn kaj interŝanĝas denove L, PI (kun ĉiuj landoj).

**Regensburg** (Germanio, Bavario). — S-ro Paul Hörmann, p. a. S-ro Jüngling, Schäffnerstr. 11 b, I., PI, L (en Franca lingvo).

**Regensburg** (Germanio, Bavario). — S-ro Anton Jüngling, Schäffnerstr. 11 b, I., PI, L, PM (en Esp. kaj Franca lingvo, prefere kun Romansviso).

**Skara** (Svedio). — Skara Esp. Klubo aranĝas karto- kaj letervesperon la 18 majo 1919. Oni sendu L, PI, bfl. Ĉiuj skribaĵoj estos respondataj.

**Talleres F. C. S., Buenos Aires** (Argentino). — S-ro José Catalá, 2049, San Martin, PI, bfl, L, PM (kun ĉiuj landoj).

**Vught** (Nederlando). — S-ino G. van Heeswijk, Kloosterstraat, PI, PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10%. Por dek-du enpresoj 25%. Antaŭa pago.

**Informa entrepreno Ĉeĥoslovaka** serĉas en ĉiuj landoj seriozajn korespondantojn, ĵurnalistajn kaj komercajn. Skribu al Rud. Hromada, Praha VII, Sochařská 333.

**Informoj.** — Kiu povas informi min pri miaj korespondintoj: W. Schmidgall, Schwabstr. 18, III., Stuttgart (Germanio); Paul Lecuru, 15, r. de Soissons, Compiègne (Francio); N. Krassovsky, Del. UEA, Kiŝinev (Rusio) kaj C. Fisano, Wohihiang & Ko., 8, Chung Shan St. E, Hongkong (Ĉinio)? G. P. de Bruin, Alleeweg 9, Enschede (Nederlando).

**Informpeto.** — S-ro Timmler, Del. de UEA en Omaha (Nebr., Usono), deziras vivsignon pri sia onklo, S-ro Adolf Schumann en Myza apud Niŝni-Novgorod en Rusio. Kiu povus doni utilan informon bonvolu tion komuniki al la C. O. de UEA. Elspezoj repagotaj.

**Militkaptito.** — Kiu povus helpi por havi informojn pri iama militkaptito Jan Hromada, el Praha, kiu laste estis en Jelec, Orlova gub., Rusio? Eventualajn komunikojn oni sendu al la C. O. de UEA, kiu repagos ĉiujn elspezojn.

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn? Skribu al S-ro F. Serrano Olmo, 40, G. de los Rios, Córdoba (Hispanio), komisiisto, kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Hinwil (Zürich, Svisio).

**Militmono.** — Mi deziras akiri ĉiuspecajn militmonerojn, paperbiletojn de malgrandaj valoroj; ekzemple Germana „Kriegsnotgeld", komunumaj biletoj de Nord-Francio, paperbiletoj de militkaptitejoj, Rusaj papermoneroj, k. a. Eventuale interŝanĝas kontraŭ militpoŝtmarkoj. Proponojn oni sendu al Hans Jakob, C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

**Poŝtmarkoj.** — Al ĉiuj, kiuj sendas al mi PM kurantajn, mi resendos PI aŭ PM Nederlandajn. A. F. J. M. de Wit, Walburgsplein 1, Arnhem (Nederlando).

**Samideanoj en Usono, helpu!** — La patrino de S-ino Hammer, pastredzino, naskita Wolf, petas informojn pri ŝi. Ŝi loĝis en 1916 en Millard, Nebraska.

**Spesmiloj.** — Serĉata po unu ekzemplero en oro kaj arĝento de la medaloj spesmilaj eldonitaj je la 25a datreveno de Esperanto, venditaj dum la 9a Kongreso en Bern. Interŝanĝe kontraŭ valoraj kolektobjektoj. Dankema mi estus ankaŭ pri informoj, kie tiuj spesmiloj estas riceveblaj private aŭ komerce. Proponoj kaj informoj sub 11,016 al C. O. de UEA.

**Vizitkartoj Esperantaj** kun verda stelo. Ili ankaŭ estas mendeblaj kun miniaturfotografaĵoj laŭ alsendota originalportreto. Prezo: sen fotografaĵo po 5 Skand. kronoj por 100 ekz.; kun fotografaĵo 9 kr. por 100, plie 15 % por afranko. Kovertoj kaj leterpapero kun verda stelo kaj nomo 5, 6, 7, 8 kr. por 100 kaj aliaj Esperantaĵoj estas mendeblaj ĉe Bernh. Eriksson, 16, Trotsgatan, Falun (Svedio).















PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO